# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — UNUA JARO — 1–2





REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII., RÖKK SZILÁRD-STR. 28., HUNGARIO

# PREZARO

*Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj*

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Julio Baghy: **VIKTIMOJ* | | 1.20 |
| K. Kalocsay: **LINGVO, STILO, FORMO* | | —.60 |
| K. Kalocsay: **STREĈITA KORDO* | | 1.20 |
| K. Kalocsay: **ETERNA BUKEDO* | | 2.40 |
| K. Kalocsay: *TRAGEDIO DE L' HOMO* | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: *INFERO* | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: *ARTHISTORIO I.* | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: **PARNASA GVIDLIBRO* | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Ŝirjaev: **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* vol. I—II. ilustrita | 10.20 | 9.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): *DE PAĜO AL PAĜO* | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: *DEKDU POETOJ* | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* | | 1.40 |
| Jelušič—Rotkvič: *CEZARO* | | 2.70 |
| Kamaryt—Ginz: **ĈEĤOSLOVAKA ANTOLOGIO* | | 4.— |
| A. Munthe—Weleminsky: *ROMANO DE SAN MICHELE* | | 2.70 |
| E. Wiesenfeld: *VERKARO DE FEZ* | | 2.— |
| Van Loon—Saville: *RIGARDU LA TERON* | 4.60 | 4.— |
| Bleier—Ĉense: *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* | | 1.— |

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Kalocsay—Baghy: *ARĜENTA DUOPO*, jubilea libro, I-a volumo | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) | | —.50 |
| A. Baur: *SVISA ANTOLOGIO* | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: *RIMPORTRETOJ* | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: *SORĈISTINO EL KASTILIO* | | 1.— |
| Grenkamp—Brzekowski: *PRI L' MODERNA ARTO* | 1.— | |
| K. R. C. Sturmer: *EL LA NOTLIBRO DE PRAKTIKA ESPERANTISTO* | | —.75 |
| T. Herzl—B. Selzer: *LA JUDA ŜTATO* | | —.90 |
| Slonimsky—Grenkamp: *MIA VOJAĜO EN SOVETIO* | | —.75 |
| Adamson: *AULI* | —.80 | —.60 |
| I. Lejzerovicz: *EL LA VERDA BIBLIO* | —.70 | —.40 |
| H. Seppik: *LA TUTA ESPERANTO* | | 1.20 |
| EMBA: *MARIA KAJ LA GRUPO* | | 1.10 |
| Rilke—Münz: *LETEROJ AL JUNA POETO* | —.50 | |
| E. Privat: *INTERPOPOLA KONDUTO* | 1.20 | |
| Jerome—Badash: *TRI HOMOJ EN BOATO* | | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: *AMO DE TOOJUURO* | | —.40 |
| L. N. Newell: *BAKŜIŜ* | | 1.20 |
| H. Weinhengst: *TUR-STRATO 4* | 1.50 | 1.10 |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per *, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Mondo kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via libristo.

# TRIA PERIODO

Goje ni anoncas, ke *LITERATURA MONDO*, la beletra revuo de Esperanto, reviviĝas por ree plenumi sian taskon: la kulturadon de nia literaturo.

En la momento de la ekiro, tamen, okupas nin sento de funebro: *Vilmos Bleier*, la ĉiofara, ĉiomova spirito iĝis viktimo de la mondplaga frenezo. Lia memoro vivas plu en nia memoro kaj en tiu granda amaso de libroj, kiujn al lia nelacigebla fervoro, grandioza eldona kuraĝo kaj larĝanima kompreno pri veraj valoroj dankas la Esperanta mondo. La Enciklopedio, la Antologioj, la dikaj romanvolumoj, la riĉa disfloro de poeziaj verkoj — entute okdek volumoj — ĉio ĉi laŭdas lian admirinde ageman individuecon kaj gardas lian memoron pli ol pia sento de mortemaj koroj. Li heredigis al ni la malfacilan taskon: efektivigi liajn vastajn projektojn, al kiuj la vojon baris milito kaj morto. Vere, en la nuna momento nin premas malkuraĝigo: kiel ni povos, kaj ĉu entute estos eble tion fari sen lia granda agemo, kapablo kaj entuziasmo. Ni promesas tamen, ke ni klopodos esti indaj al la heredita tasko kaj portos plu la standardon de L. M., tiel kara al la koro de la karmemora mortinto.

Nia L. M. eniras sian *trian periodon*. La unua periodo estis plie provado kaj restis nur ia vegetado, nur en la dua la revuo fortikiĝis je tia gravo kaj signifo: ke ĝi fariĝis vere la literatura centro de nia movado kun pli kaj pli vasta internacia kunlaborantaro. Ĝi naskis ankaŭ esperplenajn idojn (Bibliografia Gazeto, Lingvo-Libro, Revuo de l'Mondo La Vipo), kreis la eldonejon L. M. kaj la asocion AELA, disvolvis eldonagadon ĝis tiam senekzemplan en Esperantujo — ni rajte havis la plej belajn esperojn pri antaŭe neimagebla prospero por la bono de nia literaturo.

Sed tiam la *Tigro* (laŭ Esperanto Internacia), pli ĝuste la *Ŝakalo* komencis »fari siajn saltojn«. Kaj post ĉiu salto malvastiĝis la Esperanta mondo. Iom da tempo la granda kapablo, kaj dentgrinca klopodo de *Vilmos Bleier* povis ankoraŭ preskaŭ mirakle vivteni la eldonejon, sed fine tamen vaniĝis ĉio: L. M., la eldonejo, nia literatura vivo dronis en la malpuraj ondoj de la nacismo kune kun ĉio bela, nobla kaj humana.

Nun, post la forfluo de l' ondoj, post la dentklaka retiriĝo kaj krevo de la Ŝakalo la mondo reviviĝas kaj renaskiĝas, malfacile kaj malrapide, sed certe kaj neretenebIe. Kaj reviviĝas ankaŭ ni por liberspire daŭrigi tie, kie ni delasis.

Ne tute tie, tamen. En la duonfaŝista hungara mondo ni estis kvazaŭ ĉenitaj: ni devis zorge respekti certajn limojn, kies transpaŝon estus nepre sekvinta la neniigo de la revuo. La limoj estis ne tre vastaj, eĉ per tiaj artikoloj, kiuj nun ŝajnas preskaŭ neŭtralaj, ni jam danĝere tuŝis tiujn limojn. Pro tio ni ofte faris la impreson de ia sterila esotereco. Nun ni estas liberaj! Ni ne devas plu retiri nin en eburan turon, kie ni estis malliberuloj. Ni firme kredas, ke tiu ĉi libero estos la fonto de pli intensa, pli vivo-proksima, pli vasthorizonta literatura riĉo.

Car temas pri L. M., oni devas tuŝi ankaŭ la demandon de la neologismoj. Kiel multaj memoras, en tiu punkto trafis nin atakoj amase, ofte ne tute motivitaj atakoj. Permesu, ke mi skribu ĉi tie mian poemon el la jaro 1934, jus venintan inter miajn manojn:

Ho Esperanto, mia temo
amata, kiam la kantemo
min kaptas, vidu, lastatempe
min jam minacas anatemo,

ĉar mi kuraĝis vin tre ami.
Jes, oni volas min proklami
hereza, ĉar per nova belo
kaj riĉ' mi volis vin ornami.

Nu, mi toleras sen lamento,
defendas min la argumento:
palacon pompan alpostulas
la pompe firma fundamento.

Ni do konstruu sen ŝancelo
tiun palacon de la Belo;
por kiuj fundament' sufiĉas,
nu, tiuj — loĝu en la kelo.

Tamen, L. M. ne volas nun aranĝi ĉi tiun aferon laŭ la amara provokemo de la supra poemeto. Ni kredas, ke en la intermilita tempo okazis granda, eble tro granda riĉiĝo, nun devas sekvi paŭzo. Kaj tiu paŭzo kredeble trankviligos la ortodoksulojn: se ili vidos, ke ne minacas senfina kaj seninterrompa ŝveligo de nia vortaro, ili eble estos pli toleremaj rilate la jam uzitajn neologismojn. Kompro-

# Nia rendevuejo

El infanaĝo de la fabelaŭskultado skiziĝas antaŭ mi figuro de maljunulo, kiam mi altabliĝas por diri kelkajn vortojn al vi. Facile imagebla estas mia maljunulo, ĉar ĉiu ja renkontis iun similan al li.

Tempokurbigita, susurpaŝa servisto kaduka, kiu iĝas utila sin per fabelado ĉe la domo, kie li pasigis la valoran duonon de sia vivo, kaj kie nun pli la humanismo ol la plenumata laboro donas rifuĝejon al li. Parte por danki, parte por kontentigi la vantecon de sia spertoriĉo, li silentigis la viglan, tro bruan generacion de la familio. Sincere konfesante mi ne rememoras pri liaj fabeloj, sed dum la lastaj tri jardekoj lia figuro, jam delonge polviĝinta, ofte reviviĝis antaŭ mi kaj mi vidis lin levanta sian fingron, deformiĝintan pro la laboro kaj mi aŭdas lian voĉon aŭgurtonan: »Foje la homa avideco faros tian militon kontraŭ la malriĉuloj, ke post ĝi semajnojn oni povos serĉi por renkonti homon, kiu etendos sian manon por amika manpremo kaj kiu malfermos sian buŝon por paroli homan lingvon.«

Efektive, dum la lastaj jaroj ne unufoje mi ekiris por renkonti homon, al kiu mi sentime estus povinta etendi la manon kaj kiu ĝojigu min per alparolo en homa lingvo. Maldensiĝis la vicoj de la homoj kaj — por citi la vortojn de mia maljunulo — ili fariĝis maloftaj birdoj. Al mia animo ĥimere peziĝis la penso, ke la homo orfiĝis, kaj li estas ekzilita el la milionoj de la dupieduloj, nomantaj sin — homoj. Mi rigardas miajn kunulojn, svarme kaj grege tumultantaj en la vivo kaj mi observas iliajn agojn, aŭskultas iliajn parolojn. Ofte ŝajnas al mi, ke ni samtempuloj formas kune ĝangalon, en kiu perdiĝis la — homo. Stulte morna ĥimero!

Por rifuĝi de la penso, mi komencis reserĉi tiujn, kiuj similis al la homo tiel kortuŝe noblaj, celhavaj. Animfrostiga kaj funebroŝtona estis la vojo: jen tiu mortis en la karcero, tiun mortpafigis fremda potenco, ties vivo estingiĝis en fundo de kelo kaj ties koro ĉesis batadi en gaskamero kaj tiu kvina... kaj tiu sesa... la uragano de la milito forblovis ilin ien... kaj kiuj restis, tiuj perdis la voĉon por akiri peceton da nutraĵo... Laca entuziasmo, inerta celmensogo reliefiĝas en ilia parolo... Kion fari? Ankaŭ mi ekiris la vojon de la senkunulaj silentuloj.

Iun tagon homa voĉo rekonsciiĝis min: unu el miaj poetofratoj vizitis min per letero kaj donacis al mi sian novan verkon... Ĝi estis instruo bela kaj refreŝiga por la sveninta animo... Mi scias jam, kio mankis al mi kaj je kio sopiras multaj el niaj mutuloj: je aŭdo de la vortoj de miaj poeto- kaj verkistofratoj, liberiĝintaj el la katenoj de la milita premo. Post la detrua periodo, postlasinta rubojn en la animoj, estas jam tempo por komenci rekontruan laboron: la rekreon de la Homo en la homoj. Ĉar la atako estis organizata kaj ĝuste tial neniiga, tial la rekrea agado devas esti same organizita por venki la barojn kaj forgesigi la pasinton. La Hodiaŭo postulas, ke ni, poetoj kaj verkistoj, havu rendevuejon por amika manpremo, por aŭdiĝo de vere homa voĉo kaj ne lastkaŭze tial, ĉar ni ĉiuj certe havas ion por diri al tiuj, kies rekonsciiĝo multe dependas de nia aktiveco.

Jen kio aktualigas la refojan eldonon de *Literatura Mondo*, kies tria periodo havas same gravan taskon kiel havis la jarkolektoj de la unua kaj dua periodoj. Ni prizorgu la purecon kaj abundecon de la komuna kulturfonto, por ke ĝi povu servi al la soifantoj pri belo, bono, kaj noblo.

*Julio Baghy*

---

mison ni proponas, kaj, ĉar ni vivas la tempon de la politikaj kompromisoj, ni eble povas esperi la saman kompromisemon eĉ en kampo ŝajne ankoraŭ pli sovaĝbatala: en la kampo de lingvistiko. Cetere, eĉ tiuj malnovaj neologismoj aperos precipe en poemoj, en prozo ni estos preskaŭ puritane ŝparemaj pri ili.

Ni petas niajn samideanojn pri abono, subteno, propagando, kunlaboro, por ke nia tria periodo plenumu la esperojn, kiujn ne povis plenumi la dua: krei valoran, interesan, ampleksan revuon, kiu iom post iom elluktos por si indan lokon eĉ inter la revuoj de la grandaj naciaj literaturoj. Ni kredas, ke tio havus netakseblan signifon ankaŭ en la triumfigo de nia afero.

Bonan esperon! *K. Kalocsay*

# MEDITADO DE VERKISTO

JÓN DAN (Reykjavik)

Inter la paperoj de la jus mortinta famkonata verkisto Dagur Næturson, mi trovis kelkajn flavajn foliojn kun malfacile legebla skribo. Ĉar la enhavo, interesa ĝenerale, krome jetas lumon sur la verkmanieron de la granda verkisto, mi, kiel amiko de la jus mortinto, kuraĝas publikigi tiujn foliojn. Kvankam la manuskripto ŝajne ne estas finita kaj tute ne ordigita, mi nenion ŝanĝis, sed montras la foliojn, kiel mi ilin trovis. Tiel ili ankaŭ plej multe valoras, ĉi tie ni kvazaŭ vidas la materialon el la fabriko de la verkisto, nenio estas polurita aŭ en formojn gisita, tute nudaj kaj tial ankaŭ freŝaj kaj naturaj aspektas la pensoj de la famulo Dagur Næturson.

*Jen lia manuskripto.*

Same kiel pri la radio, kiu havas almenaŭ tiun bonan econ, ke oni povas ĝin malfunkciigi, mi ĉiam dum mia skribado memoras tion, ke la jam skribita estas forigebla. Se mi poste ne ŝatos mian verkajon, mi nur forstrekos ĉion — ĉi tie eble estas parto, kiu ne konvenas, ĉi tie frazo, ĉi tie vorto —, ne presita vorto estas mia propra posedajo, kaj pri ĝi mi laŭvole kaj tute libere disponas. Tio havas tian allogan econ kaj donas al mi tian certecon, ke unue mi skribas ĉion, kion mi pensas, poste mi elektas kaj enviciĝas la skribitajon kaj forigas tion, kio laŭ mia opinio ne taŭgas. Ĉu la inspiro venas de ia Dio aŭ de mia interna animvivo, tion mi ne scias, sed ofte cerbumadis pri tiu demando kaj penis trovi la solvon, kiu al mi ŝajnas tute ne tiel proksima kaj facile trovebla, kiel kredas unu el miaj amikoj. — Pensu nur pri Balzac, li diras, ĉu vi ne memoras, ke li ĉiam dum sia verkado trinkis kaj retrinkis kafon, por ke la inspiro venu. Ĉu liaj verkoj ne portas la signon de la inspiro? Faru la samon, sekvu lin, aŭ min, se vi volas: mi trinkas kafon grandskale kaj pri la rezulto atestas miaj verkoj. — Alia kolego verkas dum konstanta fumado, tria kapablas verki nur post ebriiĝo kaj la kvara nur kiam li banas sin.

Entute tiu mia kolego, kiu verkas nur dum bano, vere estas la plej interesa el miaj amikoj. Li ne plu estas juna kaj liaj verkoj jam ampleksas dek-du dikajn volumojn, sed vi ne sukcesus trovi unu libron, aŭ, mi preskaŭ kuraĝas diri, eĉ paĝon, en kiu li ne pli aŭ malpli ofte nomas ian formon de akvo, aŭ ian aferon aŭ objekton, kiuj rilatas al akvo. Tio estas sekvo de lia konstanta banado, mi diras al li, dum li kontraŭe asertas, ke lia konstanta banado kaj al tiu ligita verkado ĝuste estas sekvo de lia amo aŭ pasio al la akvo. Same kiel la fiŝo, li ne estas en sia ĝusta elemento antaŭ ol li sentas la akvon ĉirkaŭi lian korpon, kaj kiel la fiŝo li mirige bone toleras malvarman akvon, en kiu li eĉ dum horoj povas sidi sen ia ajn korpa detruo. Mia opinio estas, ke li havas malvarman sangon.

Kompreneble li ŝatas ankaŭ trinkadon. Por sin senkulpigi, li diras, ke ja estus tute nenormale, se li ŝatus senti la fluajon nur sur sia korpo, dum lia interna homo restus seka kiel knaranta fojno. Por starigi la ekvilibron, li kompreneble devas trinki vinon, ĉar alie la rezulto estus stranga, li diras.

Ĉar mi nun komencis priskribi tiun mian strangan amikon, mi ankaŭ finu la priskribon kaj diru iom pri lia aspekto. Kiel sekvo de lia konstanta banado, aŭ pli ĝuste, vivado en la akvo, lia haŭto estas fendeta kaj preskaŭ kiel spongo. Tamen mi nun lastatempe ne bone scias, ĉu lia ŝveliĝinta, iom ruĝa nazo kaj cetere la ŝajne karnoriĉaj tamen flavaj vangoj estas sekvo de lia ekstera aŭ interna banado. Li ne plu havas harojn sur la kapo, kaj barbo tute ne plu kreskas sur lia vizaĝo. Al mi li iam en ebrio diris, ke li neniam havis harojn sur la kapo, kion mi tamen ne kredas, ĉar malnovaj bildoj pruvas ion alian. Sed sian mankon de haroj li uzas en originala maniero, ĉar li klopodas certigi nin, siajn amikojn, ke li nur kaŭze de eraro estas homo. El tiu konstato li formis sian filozofion, kiun li bone kaj detale klarigas en siaj libroj, kie li asertas, ke Dio intencis, ke li estu fiŝo aŭ nova genro de fiŝo kaj homo, vivanta en bela lago kaj manĝanta fruktojn de la lagbordaj arboj. Per tio Dio intencis pruvi ian Darwinisman leĝon, kaj montri, ke ĉi tie estas la mankanta ĉenero en la evoluo de fiŝo ĝis homo. Kiam li naskiĝis, li diras, skvamo kovris lian korpon, kaj pro la timo lia patrino tuj mortis, dum la akuŝistino, pro manko de scio, frotis lian korpon, ĝis malaperis la skvamo. Do li estas malfeliĉa kaj nur

pro eraro homo, kaj per tiuj faktoj oni certe bone komprenos lian amon al la akvo kaj la malseka elemento.

En siaj libroj li preskaŭ nur pritraktas la akvon kaj pruvas ĝian multspecan aspekton kaj ekziston sub malsimilaj, ege diferencaj formoj. La akvo, li diras, estas objekto aŭ elemento, kiu ĉiam havas sian signifon. En preskaŭ ĉiuj okazoj de la vivo la akvo ludas ian rolon, kaj kiel rivero ĝi estas ĝisekstreme uzata en literaturo kaj parolo kiel simbolo. La rivero ja ĉiuloke konvenas, ĝi estas kiel la vivo, kiel la homo, kiel la ĝojo kaj ankaŭ kiel la peko. Ĝiaj formoj estas multaj kaj ŝanĝemaj, granda kaj grandioza ĝi povas esti aŭ malgranda kaj babilanta kiel infano, nur rivereto. Griza kaj malpura kiel malsincera homo, blua kaj klara kiel la okuloj de juna knabino, diafana kaj pura kiel animo de infano. Furioza kaj sovaĝa kiel frenezulo, kvieta kaj milda kiel patrino, peze fluanta kiel semajna tago, falanta malsupren en profundan abismon kiel sekvo de farita peko, lavanganta kiel katastrofo, forfluanta en la necertecon kiel la aventuro, kaj spite de ĉio ĉiam enfluanta en la maron, kiel la vivo ĉiam finiĝas en la morto kaj tie kuniĝas kun sia komenco. Bridita kiel sklavo, libera kaj neĝenata kiel la junuloj, glacie malvarma kiel la malamo, varma kaj vivodona kiel la somero, elĉeniĝa kaj torenta kiel sango de junulo, mallarĝa kiel la vojo, sur kiu ni devas iri, larĝa kiel la vojo de la peko, mallonga kiel la vivo, kiun ni vivas, longa kaj senfina kiel la eterno, ĉenanta kiel la antaŭjuĝoj, helpanta kiel amiko ktp., ktp.

*

Parolante tiel multe pri la inspiro, mi ankaŭ nomu la signojn, el kiuj mi scias, ĉu mi estas inspirita aŭ ne. Krom la sento de peza ŝarĝo kaj kapo plenplena de ideoj, ankaŭ sur la jus plenskribita papero plej ofte mi vidas la signojn de mia inspiro aŭ de ĝia foresto. Se ĉi lasta estas la okazo, mi tuj ĉesigas la laboradon. Kvankam aliaj verkistoj ofte sukcesas krei ion grandan kaj altvaloran spite al manko de inspiro, tio ne estas la okazo rilate min, kiu sukcesas verki nur sub tiu mistera potenco. Kaj tio ja ankaŭ ne estas por mi necesa, ĉar, eĉ se la inspiro ne ĉiam estas preta, ĝi tamen tute ne estas avara aŭ sin retiranta, kaj se mi eble iom longe atendis la inspiron, des pli bona estas tio, kion en la ebrio de mia ĝojo pri la reveninta muzo mi verkas.

Nu, krom la ŝarĝeco de mia kapo kaj de miaj pensoj, kaj krom la certa, tute fidinda instinkto, kiu min kondukas kaj certigas, kiam mi legas, kion mi jus skribis, mi ankaŭ tuj dum mia skribado povas vidi, ĉu tio estas verkita sub inspiro aŭ ne. Kiam mankas la dia donaĵo, aŭ tio, kion mi nun nomu la elemento alivorte nomita inspiro, miaj frazoj aŭ propozicioj fariĝas mallongaj, mi ne plu scias kiamaniere skribi la pensajon. Kvankam mi ankoraŭ memoras la ideon kaj scias pri la eble difinita irado de la aferoj, mi tamen ne povas skribi, ĉar mankas al mi kvazaŭ la karno kaj la sango; nur la nudaj ostoj estas pretaj. Kaj mia intenco estas starigi ne skeleton nur kun blankaj aŭ flavaj ostoj, kiuj nur vekas timon kaj abomenon, sed vivantan korpon kun haŭto kaj haroj. Kaj jen kio tiam mankas: la frazoj fariĝas mallongaj, ĉar mankas la karno, nenia nova ideo venas kaj tio signifas la morton de la ideo. Perdiĝas la rivereto, kiu fluas super longa distanco en varma vetero, ĉar ĝi neniam enhavas novajn eĉ etajn riveretojn, kiuj povus doni novan vivon al la ĉefrivero aŭ almenaŭ konservi ĝian staton, por ke ĝi ne tute vaporiĝu kaj malaperu. Same ankaŭ pri alineoj: se tiuj sub normalaj kondiĉoj iĝas tro proksimaj unu al la alia, tio por mi estas signo de inspirforesto. Ĉi tie oni tamen ne miskomprenu, kiam ekzemple temas pri laŭvortaj referencoj, kiuj ja laŭkutime postulas alineojn por dispartigi la diron de iu persono de la diro de alia homo, tiu regulo komprenoble ne valoras. Simile ankaŭ ekzistas aliaj esceptoj, kiuj ja estas tiel evidentaj, ke pruvoj nur estus ridindaĵoj.

Koncerne min kaj mian verkadon, ĉiam la komenco estas malfacila. Kvankam mi eble havas la inspiron, ofte okazas, ke ĝi komence estas iomete peza kaj kvazaŭ maldiligenta, sed ĝi iĝas pli flua kaj ruliĝanta, kiam mi proksimiĝas al la kerno, kiun donis al mi la inspirita ideo, sed por atingi tiun esencon, por havi okazon skribi pri tio, kion celas la verkaĵo entute, oni devas penetri tra pli aŭ malpli longa enkonduko. Kiam oni tiam fine estas en la profundo, en la animo aŭ koro de la temo, oni libere ludas per la vortoj kaj pensoj. La ideo kvazaŭ fluas el la cerbo, diversaj ekzemploj kaj priskriboj enviciĝas kaj atendas ĝis oni ilin uzas, mankas nenio. Ĉi tie estas la lando de la feliĉo, la lando de la genio, la regno de la arto, kie ekzistas nek malhelpoj nek kontraŭstaroj. Ĉi tie estas la lando de la ludo,

# LA KVAR MONDREGIONOJ

– C. Tárkony –

## Okcidento

Al Okcidento rigardas miaj fenestroj
Okcidenten flugas miaj preĝoj flustraj
mi estas pastro de elmortintaj festoj
sur ruina'taroj el ŝtonoj muskaj
oferas mi per vino de purpuroj krepuskaj.

Okcidente la mondo senfinas…
Okcidente sin sternas la dolĉaj transdanubaj montoj
Okcidente freŝokulaj bluaj lagoj ridas
kaj sur herb' smeralda de molaj deklivoj kristalaj larmoj sidas
kaj mildaj ventoj levas la kurban arkon de l' frondoj.
Okcidente blankaj puntaj nuboj naĝas sur la fandiĝema ĉielo
kaj la kanto de l' alaŭdo malgaje ŝvebas en l' aero.

Plue! plue!

Okcidente grandaj urboj inerte sin etendas
kaj al la ĉielo preĝejturoj svelte, salte ascendas.
Okcidente la spirito el ljbroj faris al si murojn fortajn
kaj la homa animo parolas per eterna muziko
kaj la homa vizaĝo vivas en bildoj senmortaj…
kaj tie ekflagris per flamanta tragiko
via sankta promeso,
Libereco!

Plue! plue!

Okcidente palaj mirakloj paradas
Okcidente solecaj amoj mortadas
Okcidente sur sufoka spegulo de forlasitaj lagoj,
en nebula hejmo de drakoj,
kien la sinkanta suno rompitajn radiojn sendas,
grandaj, blankaj lilioj atendas.
Okcidente, sur ŝaŭmbatita bordo de l' Oceano ondanta,
fendante la nigran noktsilenton,
grizbarbaj bardoj ŝarĝas per himno kanta
la neniam lacan, eterne-unu venton.

Plue! plue!

Okcidente tremaj turoj sieĝas la ĉielojn,
en ili sennombraj, kubformaj, monotonaj homĉeloj,
babelaj urbgigantoj kun svarmo de homformikoj,
senhalte varvomaj fabrikoj,
ondantaj grenmaroj,
fulmantaj vagonaroj,
senripoza hasto, sukceso, fiasko, lukto.
Produkto! Produkto!
Tekniko! Estont'!
Kaj en la tumulta impeto
infane dormas kun mallerta, hezita rideto
la animo de Nova Mond'.

Okcidente ĝermis aŭdac-sonĝaj sopiroj
Okcidente ardajn vortojn skribis la plumo
Okcidente ribelajn kantojn ludis la liroj
Okcidente flagras laste la lumo.

Al Okcidento rigardas miaj fenestroj
Okcidenten flugas la preĝoj de miaj festoj,
mi estas pastro de lumo mortanta
kaj sendos la suno sankta
lastan kison karesan
sur mian tombon solecan.

---

de la perfekteco, de la tutfeliĉo, la ĉiela hejmo de la dioj.

Pri la uzo, trouzo aŭ maluzo de certaj vortspecoj, ekzemple adjektivoj, mi nur malmulton povas diri. Koncerne miajn verkojn, mi neniam sincere kaj serioze analizis ilin tiucele. Ke mi tamen multe ŝatas la adjektivojn, mi ne hezitas konfesi, ĉar por mi ili estas la vivo, la koloro de la stilo. Ega adjektivuzado tamen estas pli virineca signo ol vira, ĉar tio, kio estas logika, rekta kaj ne atentanta pri ornamaj detaloj, tion oni kutime opinias vira. Kiel ornamas sin la virino per briliantoj kaj diversformaj diamantoj, silko kaj bela harfrizaĵo, tiel ŝi ankaŭ penas ornami sian stilon. La virino estas varma kaj ŝi volas doni varmon ankaŭ al sia stilo per adjektivoj. Per la sama rimedo ŝi klopodas ankaŭ parfumi la verkaĵon, kaj trie ĉar ŝi ŝatas fortajn kolorojn, ŝi riĉe dekoracias sian verkon per farbofrapantaj adjektivoj. Se ni konfesas, ke tiaj potencaj kaj

# Sudo

Se el pezaj, pigraj nuboj, el senfunda plumba kuvo
verŝas, verŝas sin senfine monotona morna pluvo,
se nebulo densa grizas sub la surda firmamento,
se tremigas vian haŭton la frostiga spir' de vento,
se anhelas via pulmo en la sturmo de uragano,
se la gelo vian koron premas per glacia mano,
turnu vin al Sudo!

Se la sunon kovras nuboj sur ĉiel' de via animo,
se l' ĉirkaŭo vin sufokas kiel la dronanton ŝlimo,
se l' flugilojn de l' sopiroj rusta ĉen' de tedo ligas,
se l' soleco karcermurojn surdajn ĉirkaŭ vi altigas
se l' enuo jam estingas ĉiun etan vivofajron,
se en vian ĉerkon batas la minutoj sian najlon,
turnu vin al Sudo!

Tie vokas vin koloroj,
rid-okula blua maro,
herbovestaj promontoroj,
gast-alloga insularo,
tie vokas vin sun-klaro.

Tie temploj supre de montoj
pri antikva kulto memoras,
tie kampo riĉa de fontoj
de paŝtista fluto sonoras,
tie vivas praaj rakontoj,
la marmoro stumpa en frondoj
pri senmorta mito parolas,
de najadoj svarmas la ondoj
kaj nudkorpaj dioj petolas.

Tie fandiĝas la glacio
de via frostrigida kor'
verŝiĝas sur vin fluida or',
la sang' reflagras por pasio,
kaj febre ŝvelas en la vejn',
alspiras vin la sal-aera
marvento kaj sub la libera
ĉielo estas via hejm'!
Tie ebrioj ardaj vokas,
kaj dancaj nimfoj kaj satir',
kaj fajras tie la sopir'
kaj kison kiso reciprokas
kaj donas sen agaca gust'
ree feliĉon al la brust',
Tie narkotas mandragoroj
kaj plenaj, pezaj terodoroj
kaj ruĝa vin' de densa arom',
de l' branĉoj logas rida pom'.
Tie l' aero virge puras,
profunde bluas la lazur',
la mola sin' de l' mar' veluras,
la korpojn lulas la plezur'.
Vespere cipraj ombroj ŝvelas,
zefir' vin tuŝas per balzam',
kaj buŝon al la buŝo pelas
por kuna brul' la am'.

Tie sur sin' de sonĝ' profunda
narkotas sorĉa sent',
tie la vojon al vi montras
astroj el arda arĝent',
tie senmova estas tempo,
eterna la moment'.

---

multimpresaj vortoj estas la adjektivoj, ni ankaŭ konfirmiĝu, ke tiu ĉi vortspeco estas uzinda kaj tute ne grandskale forlasebla. Cetere oni absolute ne devas esti virino por ŝati la uzadon de adjektivoj, mi nur tiel klarigas la aferon, ĉar la adjektivoj estas vortoj varmaj kaj kolorriĉaj, kaj el la du seksoj la ino tamen estas tiu, kiu pli ŝatas varmon kaj koloron, — tiu sekso, kiu pli estas varmo kaj koloro, dum la viroj estas pli malvarmaj, pli senkoloraj kaj grizaj. Pri la neuzo aŭ absoluta maluzo de la adjektivoj mi mencias nur, ke ĝi ŝajnas al mi nenatura, kaj se iu verkisto videble evitas iun vortspecon kaj por atingi la celon forlasas aŭ aliformigas tutajn frazojn, tio estas por mi nur signo de vantaĵo, klopodado por fariĝi originala, kaŭzita de naiveco aŭ stulteco.

Ke ankaŭ la kontraŭa flanko de la afero havas siajn bonajn ecojn, tio estas okulfrapa. Se oni pli aŭ malpli forlasas la adjektivojn, entute

## Oriento

Azio! Oriento!
Praa, mistera, sankta kontinento!
Kiom da rasoj de popolo
elĵetis via interna bolo
kiel kratero!
Kiom da gentoj naskitaj de via patrin-utero
suĉas el via mamo abunda,
ho ujo de gentoj senfunda,
ho giganta, fabela pratero!

Se mi la pensojn al vi turnas,
tumultaj bildoj min sturmas:
emerĝas antaŭ mi en buntaj amasoj
viaj dormekzistaj, nebulkonsciaj, preterviva j
homrasoj:
ĉinaj kulioj sub larĝa pajloĉapelo,
tibetaj lamaoj kun sia preĝo-muelo,
hindaj perloserĉantoj kun haŭto oleebrila,
hongkongaj komercistoj kun lango multbabila,
remantaj sur Iravadi brunflavaj malajoj,
sovaĝaj gentoj piede de Himalajoj,
en siberiaj praarbaroj ĉasistoj solecaj,
bazaroj svarmantaj kun varoj milspecaj,
antaŭ la sankta Fuĵijama piaj japanaj
pentristoj,
fertmovaj insulanoj inter branĉoj de tamarindoj,
mongolaj rajdantoj sur stepoj de dezertaj distoj,
en la akvo de Ganges mortintaj hindoj,
ho persoj, araboj, ĉinoj, singalezoj, japanoj,
ho anamoj, hindoj, malajoj, tibetanoj,
ho kurdoj, afganoj, mongoloj
kaj buntaj indiĝenpopoloj
dissemitaj sur insuloj de spicoj
kaj sur la senfinaj vicoj
de la atoloj!
Vi, cent- kaj centmiliona armeo duonsvena,
kiujn ne tuŝis ankoraŭ la tumulto mond-arena,
aŭ kiujn ĝi jam vizitas,
kaj kiuj pro ĝi jam ŝvitas
en barakto senkomprena —
mi vidas vizie, kiel vin vekas la krio
de la historio
el la obskuro dorma
de via ekzisto senforma,
mi vidas, kiel vi viŝas la okulojn
por forigi la sonĝonebulojn,
kaj kiel vi kun jubilo
triumfe muĝa
etendas la brakojn al la brilo
de l' sunleviĝo ruĝa!

## Nordo

Ho Nordo! Fora, blanka vizio
de mia knaba fantazio!
Spirretene, plene de soifa scivolo
legante kun avida devoro
de literoj,
kun ruĝaj oreloj,
kun brilantaj okuloj
mi dronis en vojaĝpriskriboj dikaj,
en Jules Verne-romanoj arktikaj,
kaj tra viaj nebulaj insuloj,
tra morne mutaj, frostaj fjordoj,
preter la ŝip-embuskaj murdaj bordoj,
preter enormaj
naĝantaj glaci-rokoj,
balenoj vaporkornaj,
petola popolo de fokoj,
blankaj ursoj mornaj,
tra viaj glaciaj, dezertaj oceanoj,
tra la neĝkampoj senfundaj
kie en ŝtormo baraktas karavanoj
de veturiloj hundaj,
mi sekvis la heroan spuron de l' grandaj
kapitanoj.

---

forgesas pri ilia ekzistado, oni ekhavas stilon senpartian, grizan kaj malmolan. Tia verkadmaniero portas absolutajn virajn signojn, kaj forta ĝi estas kiel roko kaj sen ia ajn ornamo, ravanta nin nur per la potenco de la arto kaj la okazoj.

Same kiel oni vole-nevole ligas ideojn pri koloroj al muziko aŭ certaj tonoj, tiel ankaŭ ĉiu bona, karakteriza stilo havas sian propran koloron. Ne la vortoj estas, kiuj donas tiun koloron, sed la humoro malantaŭ la vortoj, la vivo kaŝita. Pri stilo entute mi multe meditadis kaj mia konkludo estas, ke la stilo estas kvazaŭ vualo, kiu nur kovras ĉion tion, kion ni verkas. Tion vualon oni...

*

Jen finiĝas la manuskripto de Dagur Naeturson.

# La donaco de la magoj

— O. Henry[1] —

Unu dolaro kaj okdek-sep cendoj. Tio estis ĉio. Kaj sepdek cendoj el ili estis kupraj — kupraj moneroj ŝparitaj po unu kaj po du de tempo al tempo, per marĉando ĉe la spicisto kaj la legomisto kaj la viandisto, ĝis la vangoj ekbrul's je la silenta memkulpiga sento de avareco, kiun sugestis tia troŝparema aĉetado. Trifoje Dela kalkulis la monon. Unu dolaro kaj okdek-sep cendoj. Kaj la sekvanta tago estos Kristonaskо.

Klare nenion ŝi povis fari, krom sin faligi sur la eluzitan kanapeton kaj... kaj plorĝemi. Ĉi tion Dela faris — kio elvokas la filozofian ideon, ke la vivo konsistas el ĝemoj, plorsingultoj kaj ridetoj, el kiuj plej ofte regas la duaj.

Dum la mastrino de la hejmo pasas iom post iom de la unua stadio al la dua, rigardu la hejmon. Meblita apartamento ok-dolara semajne. Ĝi ne estis tute trans la limo de priskribo, sed certe staris apud la bordo de Almozulujo.

En la vestiblo sur la malsupra etaĝo estis leterkesto, en kiun nenia letero volis eniri, kaj elektra puŝbutono, el kiu eĉ la plej flatema homa fingro ne povis elvoki sonoron. Apartenanta estis al tiu loko ankaŭ karto kun la nomo: »S-ro James Dillingham Young.«[2]

La vorto »Dillingham« fiere flirt's iam dum prospera epoko antaŭa, en kiu ĝia posedanto ricevadis tridek-dolaran salajron ĉiusemajne. Nun, kiam la enspezo malaltiĝis ĝis dudek dolaroj, la literoj en la vorto »Dillingham« aspektis ennubigitaj, kvazaŭ ili serioze konsiderus malkreski al modesta kaj humila »D.« Sed, kiam ajn S-ro James Dillingham Young revenis hejmen kaj atingis la apartamenton supran, li estis alvokata »Ĝim«[3] kaj multe ĉirkaŭpremata de S-ino James Dillingham Young, kiu estas jam prezentita al vi kiel Dela. Ĉio ĉi tio estas tre bona.

Dela ĉesis plori kaj servis siajn vangojn per la pudrotuko. Ŝi staris apud la fenestro kaj lace elrigardis al griza kato pasanta sur iu griza barilo en iu griza korto malfronta. Morgaŭ estos Kristonaska Tago, kaj ŝi havis nur unu dolaron kaj okdek-sep cendojn por aĉeti ian donacon al Ĝim. Ŝi ŝparadis dum monatoj ĉiun cendon ŝpareblan, kaj jen la rezulto. Dudek dolaroj semajnaj ne daŭris longe. Elspezoj estis pli grandaj ol ŝi antaŭkalkulis. Ili ĉiam estas. Nur 1,87 dolaroj por aĉeti donacon al Ĝim. Ŝia Ĝim. Multajn feliĉajn horojn ŝi pasigis farante planon pri ia ĉarma donaco al Ĝim, io belega kaj malofta kaj

---

Kaj kun forto magneta
min altiris,
kun sorĉo sekreta
miajn vagantajn revojn inspiris
la mistervuala, sfinkse murda, blanka rebuso:
la poluso.

Ho Nordo! disŝiriĝis jam de super viaj neĝbrilaj teroj
la legendoj kaj misteroj,
viajn sekretojn perfortis
aŭdacaj konkeroj,
pri la majestaj beloj de viaj pejzaĝoj raportis
precizaj vortoj kaj bildoj.
Nun, se miaj pensoj, ĉi grizflugilaj birdoj,
ekflugas al viaj regionoj foraj,
pri kio scivolas ilia avida rigardo?
Jam ne plu pri novoj de nekonata mondparto,
jam ne plu pri spuroj de vojaĝoj esploraj,
sed pri la homo,
tiu ĉi heroo sen gloro kaj sen nomo,
kiu sur senfruktaj, avaraj grundoj,
sur frostventaj tundroj,
sur fragilaj ripoj
de glacirompaj ŝipoj,
en dezerta solo de meteorologiaj stacioj,
en hejmo de nebuloj, ventoj kaj glacioj
estas en eterna, senindulga lukto kun la duro
de la naturo.
Vi, fortbrakaj faligantoj de pinarbaroj krutmontaj,
firmplandaj fiŝantoj de profundoj tempestondaj,
muskolaj minantoj de fero,
feliĉaj filoj de la laboro kaj libero,
vi homoj,
loĝantoj en puraj, belaj urboj aŭ en solecaj domoj,
vi, laboremaj, mildaj miloj:
el via koro, ĉi fekunda, varma humo
tra viaj puraj pupiloj
la bono kaj amo inundas kun mutaj briloj
kiel tra neĝaj noktoj le fee fosforeska brakumo
de la Norda Lumo!

malfalsa — io, kio almenaŭ proksimume meritas la honoron esti posedata de Ĝim.

Estis trumo[4] inter la fenestroj de la ĉambro. Eble vi iam vidis trumon en okdolara apartamento. Persono tre maldika kaj tre vigla povas, observante sian reflekton laŭ rapidaj sekvoj de vertikalaj strioj, akiri sufiĉe precizan koncepton pri sia aspekto. Dela, estante malgrasa, jam estis majstro de tiu arto.

Subite ŝi turnis sin de la fenestro kaj ekstaris antaŭ la spegulo. Ŝiaj okuloj hele brilis, sed ŝia vizaĝo perdis la koloron jam dum la lastaj du sekundoj. Rapide ŝi malaranĝis la harojn kaj lasis ilin pendi libere.

Nu, la familio da James Dillingham Young posedis du objektojn, pri kiuj la geedzoj multe fieris. Unu estis la ora horloĝo de Ĝim, kiun liaj patro kaj avo antaŭe uzis. La alia estis la haroj de Dela. Se la Reĝino de Ŝaba estus loĝanta en la apartamento trans la aerŝakto[5], iun tagon Dela sekigus la harojn pendigante ilin de la fenestro, nur por senvalorigi la juvelojn kaj donacaĵojn de Sia Majesto. Se Reĝo Salamono estus la domzorgisto konservanta ĉiun sian trezoron unu sur la alia en la kelo, Ĝim eligus la horloĝon, kiam ajn li lin preterpasus, nur por vidi lin taŭzi la barbon pro envio.

Nu, la belaj haroj de Dela nun pendis ĉirkaŭ ŝi, ondetantaj kaj brilantaj kiel kaskado el brunaj akvoj. Ili atingis ĝis siaj genuoj kaj preskaŭ faris el ĝi vestaĵon por ŝi. Kaj tiam ŝi denove aranĝis ilin nerve kaj rapide. Momenton ŝi hezitis kaj staris senmove, dum unu aŭ du gutoj da larmo disŝprucis sur la eluzitan ruĝan tapiŝon.

Suriris sur ŝin ŝia malnova bruna jaketo; surmetiĝis sur ŝin ŝia malnova bruna ĉapelo. Kun jupoj rapide turniĝantaj, kaj la brilaj rosoj ankoraŭ en la okuloj, ŝi flirte elflugis tra la pordo, malsupren sur la ŝtuparo al la strato.

Kie ŝi haltis, tie anonctabulo diris: »Madamo Sofroni.[6] Harajoj ĉiuspecaj.« Unu ŝtuparon supren Dela kuris, kaj penis sin trankviligi dum la koro batis. Al la madamo, granda, tro blanka, malvarma, apenaŭ taŭgis la laŭmoda nomo »Sofroni«.

»Ĉu vi aĉetos miajn harojn?« demandis Dela.

»Certe mi aĉetas harojn,« diris la madamo. »Formetu la ĉapeleton, kara, kaj ni ilin rigardetu por momenteto.«

Malsupren ondetis la bruna kaskado.

»Dudek dolaroj,« diris la madamo, levante la hararon per sperta mano.

»Donu ilin tuj al mi,« diris Dela.

O, la sekvantaj du horoj salte kuris per rozkoloraj flugiloj. Sed... forgesu la fimiksitan metaforon. Ŝi estis traserĉanta en la butikoj donacon al Ĝim.

Ŝi trovis ĝin fine. Ĝi certe estis farita por Ĝim, por neniu alia. Estis nenio tia, kia en iuj ajn aliaj butikoj, kiujn ŝi tute renversis. Ĝi estis platina ĉeneto, kun simpla rafinita desegno, prave deklaranta sian valoron sole per materialo kaj per supraja ornamo — kiel ĉiuj bonaj objektoj devas fari. Ĝi eĉ meritis aparteni al La Horloĝo. Kiam ŝi ĝin ekvidis, ŝi jam sciis,

## Balado pri la atombombo

Hip, hura, jen la atombombo,
La mortigilo sen rival'!
La kompatinda packolombo
Baraktas en danĝer' de fal'.
Jen, eblas por la mondbatal'
Disliberigi la fantomojn,
Ĝis plenumiĝos la fatal':
La Ter' solviĝos en atomojn.

Jam morte putras, sed al tombo
Ne volas fali Kapital'.
Ĝi vivon maskas kun aplombo
En mortodanca bakhanal'.
Jen, homoj, al vi sangpokal',
Elsorbu el ĝi la aromojn,
Ĝis la festenon finos knal':
La Ter' solviĝos en atomojn.

Ĉu helpus do la hekatombo,
La pluv' de fajro kaj de ŝtal',
La granda landbalaa trombo
Al estroj de la mon-ĝangal'?
Ne! Sed por savi de skandal'
La bankrotkapajn ekonomojn,
Necesas io! Nur detal':
Se l' Ter' solviĝos en atomojn.

Princoj de l' Mono! Ĉi regal'
Ne logos al vi plu la homojn,
Sed *sub vi* vere, jen final':
La Ter' solviĝos en atomojn.

*K. Kalocsay*

ke ĝi estos posedaĵo de Ĝim. Ĝi estis kiel li. Serena modesteco kaj alta valoro — la vortoj aplikiĝis same al li kiel al ĝi. Dudek-unu dolarojn de ŝi oni forprenis por ĝi, kaj ŝi rapidis hejmen kun la restantaj okdek-sep cendoj. Portante tiun ĉenon ĉe la horloĝo, Ĝim povos rajte zorgi pri la horo en ies ajn kunesto. Admirinda estis la horloĝo; tamen de temp' al tempo ŝi ŝtele ĝin rigardis pro la malnova rimeno, kiun li uzis anstataŭ ĉeno.

Kiam Dela atingis la hejmon, ŝia ĝojebrieco iomete cedis la vojon al prudenteco kaj rezono. Ŝi elprenis hargladilon kaj lumigis la gason, kaj eklaboris por ripari la difekton faritan de la malavareco oferita al la amo: — kio ĉiam estas kolosa taskego, karaj geamikoj, vere mamuta tasko.

Post kvardek minutoj ŝia kapo fariĝis kovrita de etaj, firme kuŝantaj bukloj, kiuj aspektigis ŝin tute mirinde kiel maldiligentan studenteton. Ŝi rigardis sian figuron reflektitan en la spegulo, longe, zorgeme, kaj kritikeme.

»Se Ĝim ne mortigas min,« ŝi murmuris, »antaŭ ol li duafoje min rigardas, sendube li diros, ke mi aspektas kiel dancistino de Koni-Insulo.[7] Sed kion mi povis fari... ho! Kion mi povis fari per unu dolaro kaj okdek-sep cendoj?«

Je la deknaŭa horo la kafo prepariĝis kaj la fritkaserolo kuŝis malantaŭ la forno, varma kaj preta por kuiri la kotletojn.

Ĝim neniam malfruis. En la mano Dela faldis la ĉeneton kaj sidis sur angulo de la tablo apud la pordo, tra kiu li ĉiam eniris. Baldaŭ ŝi aŭdis lian paŝon ĉe la ŝtuparo malproksime sur la teretaĝo, kaj ŝi por momento paliĝis. Ŝi havis la kutimon silente preĝeti pri simplaj ĉiutagaj aferoj, kaj nun ŝi flustris: »Bonvole, Dio, igu lin pensi, ke mi ankoraŭ estas beleta.«

La pordo malfermiĝis kaj Ĝim enpaŝis kaj ĝin fermis. Li aspektis malgrasa kaj tre serioza. Kompatindulo, li estis nur dudek-dujara — kaj devis porti sur la ŝultroj la ŝarĝon de familio! Li bezonis novan palton kaj li est's sen gantoj.

Ĝim haltis interne de la pordo, senmove kiel ĉashundo flaranta koturnon. Liaj okuloj estis fiksitaj al Dela, kaj en ili estis ia esprimo, kiun ŝi ne povis ellegi kaj kiu teruris ŝin. Ĝi ne estis kolero, nek surpriziĝo, nek malaprobo, nek timego, nek iu ajn el tiuj sentimentoj, kontraŭ kiuj ŝi estis preta. Li simple rigardis ŝin fikse kun tiu stranga esprimo sur la vizaĝo.

Dela forskuis sin de sur la tablo kaj ekparolis rapide, ekscite.

»Ĝim, karulo,« ŝi kriis. »Ne rigardu min tiamaniere. Mi tondigis la harojn kaj vendis ilin, ĉar mi tute ne povas travivi Kristonaskon donante nenion al vi. Ili kreskos denove — tio ne ĝenas vin, ĉu? Mi simple devis tion fari. Miaj haroj kreskas tre, tre rapide. Diru Gajan Kristonaskon, Ĝim, kaj ni estu feliĉaj. Vi tute ne scias kiel bonegan — kiel belegan, bonegan donacon mi preparis por vi.«

»Vi fortondis la harojn?« demandis Ĝim, penege, kvazaŭ li ankoraŭ ne komprenus la nedubeblan fakton eĉ post la plej forta mensa laboro.

»Tondis ilin kaj vendis ilin,« diris Dela. »Ĉu vi ne ŝatas min, ĉiuokaze, same kiel antaŭe? Mi estas mi, eĉ sen haroj, ĉu ne?«

Ĝim ĉirkaŭrigardis la ĉambron scivoleme.

»Vi diras, ke viaj haroj estas for?« li diris, kun mieno preskaŭ idiota.

»Vi ne bezonas serĉi ilin,« diris Dela. »Jam ili estas venditaj, jes, jam — kaj foririntaj! Estas Kristonaska Antaŭnokto, kara. Estu amema al mi, ĉar por vi la haroj iris. Eble la nombro de miaj kapharoj estis kalkulita,« ŝi daŭrigis subite ŝanĝiĝante al serioza dolĉeco, »sed, sed neniu, neniam povas mezuri mian amon al vi. Ĉu mi ekkuiru la kotletojn, Ĝim!«

El la letargio Ĝim ŝajnis rapide vekiĝi. Li ĉirkaŭprenis sian Delnjon. Dum dek sekundoj ni rigardu kun diskreta precizeco ian senrilatan bagatelaĵon en la a'ia di ekto. Ok dolaroj semajne aŭ miliono da dolaroj jare — kio estas la diferenco? Matematikisto aŭ spritulo malprave respondos al vi. La magoj alportis valoraĵn donacojn, sed la respondo al nia demando ne estis inter ili. Tiu ĉi malluma aserto lumiĝos poste.

Ĝim elprenis pakaĵon el la palta poŝo kaj ĵetis ĝin sur la tablon.

»Ne eraru, Dela,« li diris, »pri mi. Mi ne kredas, ke ekzistas io pri hartondo aŭ razo aŭ ŝampuo, kio povas malpliigi la ĉarmon de mia karulino al mi. Sed, se vi malfermos tiun pakaĵon, vi komprenos, kial mi unue estis mutigita.«

Rapide blankaj facilmovaj fingroj ekŝiris la ŝnureton kaj paperon. Kaj tiam, ekstaza ekkrio de ĝojo; kaj tiam, ah! rapida virineca ŝanĝiĝo al histeriaj larmoj kaj ĝemoj, kiuj necesigis la tujan aplikon de ĉiaj konsolaj fortoj posedataj de la sinjoro de la apartamento.

# IAM

– Teo Jung –

Iam
Mi migris tra la vasta mondpalaco
Kun komprenema kor' kaj ĝu-malsato,
Kaj ĉie min alridis dia paco,
Kaj ĉio renkontita estis frato.

Frato:
Viol' ĉe vojo dolĉe odoranta;
Frato: tili' — gardisto apud domo,
La papili' kun vesto brilianta,
Kantul' alaŭdo. Frato: eĉ la Homo!

Iam
Imagis mi la tutan Teron bona,
Pompadis ĝi — senmanka Paradizo;
Festrobo ŝajnis eĉ la frak' ĉifona,
Kaj ĝojkoloro la ĉagrena grizo.

Iam
Min ravis riĉ', abundo, famo, gloro,
Entuziasme mi l' ekziston ĝuis;
En brusto vigle batis arda koro,
Kaj verva sango tra la vejnoj fluis.

Iam
Titanajn planojn mi en cerbo rulis:
Mamutajn urbojn sorĉi sur malplenojn;
El grundo, kie la dezerto brulis,
Ellogi dolĉparfumajn florĝardenojn.

Iam
Mi ŝtormatake vo'is montojn breĉi,
Elĉerpi marojn, sunon flug-a'iri,
De mond' al mond' gigantajn pontojn streĉi,
Steldiamantojn el ĉielo ŝiri.

Iam
Mi revis rajdi meze tra gehenoj,
Flamojn, venenan brulon brave spiti,
Malicajn monstrojn kapti en katenoj,
Diablon mem sentime almiliti.

Iam
Mi sonĝis savi el turmentkruelaj
Drakĉirkaŭprenoj la blindige-blankajn
Korpomiraklojn de virginoj belaj,
Kompens-rikolti ardajn kisojn dankajn.

---

Car tie kuŝis La Kombiloj — la grupo da kombiloj, flankaj kaj malantaŭaj, kiujn Dela adoradis dum longa tempo ĉe unu fenestro sur Broduaj.[8] Belaj kombiloj, el pura testudaĵo, kun juvelumitaj randoj: — ĝuste la nuanco por la lakitaj haroj, kiuj estis for. Ili estis multekostaj kombiloj, ŝi sciis, kaj ŝia koro nur simple sopiradis kaj aspiradis al ili, kvankam ŝi havis nenian esperon posedi ilin. Kaj nun ili estis ŝiaj, sed la harbukloj, kiuj devas ornami la deziregitajn ornamaĵojn, estis for.

Sed ŝi karesis ilin al la brusto, kaj finfine ŝi povis suprenrigardi per malhelaj okuloj kaj rideti kaj diri: »Miaj haroj kreskas tre, tre rapide, Gim!«

Kaj tiam Dela suprensaltis kiel brulvundita kateto kaj kriis: »O, o!«.

Gim ankoraŭ ne vidis ŝian belan donacon. Ŝi elmontris ĝin al li avide sur sia manplato. La malhela, altvalora metalo ŝajnis ekbrili per la reflekto de ŝia brila kaj arda animo.

»Ĉu ĝi ne estas belega, Gim? Mi trakuris la tutan urbon por trovi ĝin. De nun vi devos vidi la horon cent fojojn ĉiutage. Donu al mi la horloĝon. Mi volas rigardi, kiel ĝi aspektas ĉe ĝi.«

Anstataŭ obei, Gim faligis sin en la kanapon kaj metis la manojn malantaŭ la kapon kaj ridetis.

»Delnjo,« li diris, »ni formetu la Kristonaskajn donacojn kaj konservu ilin dum iom da tempo. Ili estas tro bonaj ankoraŭ por nia uzo. Mi vendis la horloĝon por akiri monon por aĉeti la kombilojn. Kaj nun, eble kuiru la kotletojn.«

La magoj, kiel vi scias, estis saĝaj homoj — mirinde saĝaj homoj — kiuj alportis donacojn al la Infano en la stalrogo. Ili inventis la arton de Kristonaska donacado. Car ili estis saĝaj, sendube iliaj donacoj estis saĝaj — eble portantaj en si la privilegion de interŝanĝo, se du samaj objektoj donaciĝis. Kaj ĉi tie mi lame rakontis al vi la banalan historion de du malsaĝaj infanoj en iu apartamento, kiuj plej malsaĝe foroferis unu por la alia la plej grandajn trezorojn de la

Iam
Aspiris tigron mi, leonon ligi,
Sovaĝan beston de l' milita plago;
Esperis mi Homaron liberigi
De skurĝ' terura de l' Antropofago.

Iam...
Infana kredo, knabaj fantazioj,
Junula tromemfido, nubkasteloj —
Disfluis kiel fantasmagorioj,
Forŝvebis kiel misterplenaj veloj.

Tamen
Ne tute povis mi la revojn lasi,
La foro, la neeblo min impresas;
Ĝis nun mi amas idealojn ĉasi,
Sed dume la realon ne forgesas.

Jen do
Dediĉis profesion mi kaj nomon,
Eĉ koron al belega la Afero;
La bruston mi dekoris kaj la domon
Per la simbolo sankta de l' Espero.

Iam...
Eĉ tiun lummomenton jam paligas
La jaroj ĉe l' fuĝanta horizonto,
Dum senripoze tag' kaj temp' navigas
Renkonte al eonoj de l' Estonto.

Iam!
Ho bela revo de spirit' genia:
Ke ĉiu ĉiun en la mond' komprenu!
Ide' majesta, pens' revolucia,
Valora, vere!, ke por ĝi ni penu.

Iam!
Ne estis pura ĝojo la batalo,
Nek ĉiam danka; tamen mi ne plendas:
Neniu donu sin al idealo,
Se rangon, riĉon, laŭrojn li atendas.

Iam...
Eklumis horoj de plezurpleno,
Volonte revokataj de l' memoro;
Sed sekvis jaroj pezaj de ĉagreno,
Rememorante kiujn ploras koro.

Kiam
Mensogserpentoj, kalumniodrako
— Venenkraĉanta la obskura gildo —
El sia nest' alsiblis por atako
Alsalte kontraŭ nia pura ŝildo.

Kiam
La kontraŭstaro de potenco truda,
Malica volo de reĝim' tirana
Per peza pugno de perforto kruda
Laboron de jardekoj faris vana.

---

domo. Sed kiel lasta vorto al la saĝuloj de la hodiaŭaj tagoj, estu dirite, ke el ĉiuj, kiuj donacis donacojn, ĉi tiuj du estis la plej saĝaj. El ĉiuj, kiuj donacis kaj ricevis donacojn, ili, tiaj, kiaj ili estis, estas la plej saĝaj. Ĉie ili estas la plei saĝaj. Ili estas la magoj.

El la angla: *Saĉio Oka.*

[1] *O. Henry*, kies vera nomo estis *William Sydney Porter*, naskiĝis en la urbeto Grinzboro en la provinco Norda Karolino, sudorienta parto de Usono, en la jaro 1862. Post multjara vagado en okcidenta Usono kaj suda kaj centra Amerikoj, li verkis sian unuan rakonton en 1899, kiam li estis en la malliberejo en la provinco Oĥajo, en kiun li eniris pro malfeliĉaj cirkonstancoj. Poste li venis al Novjorko kaj dum dek jaroj ĝis lia morto en 1910 li verkis pli ol ducent rakontojn, el kiuj ankoraŭ ĉiu trovas milionojn da admirantoj tra la tuta angla lingvoteritorio. Lia temo ĉiam estis la ĝojoj kaj suferoj de ordinaraj homoj loĝantaj aŭ en la granda urbo aŭ en la vastaj ebenaĵoj de la Amerikoj. *La Donaco de la Magoj* estas unu el la plej bone konataj rakontoj de li verkitaj. La traduko estis farita kun speciala permeso de la posedantoj de la presrajtoj, Doubleday-Doran Kompanio, kaj kun la bonkoraj konsiloj de d-ro Lehman Wendell, fama Esperanta verkisto usona. *Tradukinto.*

[2] Elparolu: Ĝejmz Dilingam Jan'.

[3] Angla karesnomo por James (Jaĉjo: Jakobo).

[4] Vorto proponata de la tradukinto. Alta, mallarĝa spegulo ofte trovata inter fenestroj. Trumeau (angle, germane, france), tremo (hispane, pole, portugale), trumo (ruse).

[5] Aerŝakto (Luftschacht, germane; Luftskakt, dane, norvege) estas ŝakto en grandaj domoj, ĉirkaŭata de muroj. Multaj apartamentoj en multetaĝaj loĝejoj havas fenestrojn ĉe tiaj ŝaktoj.

[6] Madamo (Madame, france; madam, angle) signifas »mia damo«, t. e. »sinjorino«. La vorto estas uzata ĉi tie, kvankam ĝi ne estas Esperanta, por montri la ekzotikan manieron per kiu s-ino Sofroni kaj multaj virinoj en similaj profesioj penas sin montri.

[7] Koni-Insulo (Coney Island) estas amuzejo apud Novjorko. Ĉar ĝi estas proksima al la urbego, multaj gelaboristoj pasigas la dimanĉojn tie, anstataŭ iri eksterurben.

[8] Broduaj (Broadway) estas la plej grava, mondfama komerca strato en Novjorko.

# Ĉe la transportistoj

— Andor Endre Gelléri —

Mi estas sen laboro; mi ĵetis min en iun parkon, kie dormeme mi observis la ludon de la verda koloro sur la gazono kaj arboj. Kiam oni sonorilis la dekunuan, tre ĉarma fraŭlino trairis la promenejon, kun milde vibrantaj brustoj: tute ebrie mi ŝin postrigardis... sed sur la transa bordo de l' parko la virino subiris kiel la Suno; kaj en mi ree mallumiĝis ĉio. El tiu ĉi melankolio vekis min trotante proksimiĝanta ŝarĝveturilo; ĉe ĝia timono brilanta orbruna ĉevalo frapis siajn hufojn al la pavimo; la veturigisto, en ĉemizo, senĉese sibligis sian vipon, kvazaŭ li fajfus per ĝi; ĉirkaŭ li, kroĉiĝante al la sidejo, staris transportistoj kriantaj, mokadantaj unu la alian, amumantaj kun vino kaj biero.

Ili trotis al la arboj, poste ili glitigis la veturilon apud la trotuaron kaj unu el ili ekstaris sur la supro de l' iloj, lorne levis la manojn super la okulojn, kvazaŭ li rigardus la manon... — Kiu volas gajni du pengojn? — li kriis kaj mi saltis el la parko, kvazaŭ el ia verda malliberejo kaj saltis sur la veturilon. Apenaŭ mi rektiĝis, tiu, kiu kriis, venis al mi kaj gaje al mi ridis: — Jen, glutu... unue manĝu, ke vi ne svenu... poste vi ricevos du pengojn... du hora... transportado...

— Jam delonge vi spiras la aeron? — demandis gaje la alia kaj lian voĉon same disrompis la rapidanta veturilo, kiel tiun de lia kunulo. Kaj forgesante miajn amarajn semajnojn, plenbuŝe, kun ŝmacanta lango mi respondis: — De ses... semajnoj...

En marmorŝtupara domo mi devis porti la monŝrankon al la unua etaĝo; kvankam mi montris min saĝa, ankaŭ mi mem miris, kiam la peza ŝranko bele deglitis de sur sia soklo, kaj poste, kvazaŭ ĝi pezus nur dek kilogramojn, fluge oni tien-reen rulis ĝin sur du feraj reloj, tute ĝis la ŝtuparo. Apenaŭ kvin minutojn tio daŭris. Kaj preskaŭ forlasis min la tuta forto, kiam sur la blindige blankaj ŝtupoj, kiel homĉevaloj, jungitaj antaŭ la dika lignoskio, kun potenca »Ho ruk!« ni ekiris supren kun la monŝranko. Sur la flanko de la lignoskio la feraj ringoj amare knaris pro la tiro de la ŝnuro plektita tra ili; la antaŭe ankoraŭ gaja bando spiregis, ŝvitis kaj

---

Kiam
Afliktis inerteco de l' amaso,
Vanteco de kleruloj plenblovita,
Antaŭjuĝemo de popol' kaj raso,
Disput' de propra rondo etspirita...

Ĉu do
Senfrukte penis mi, laboris, luktis,
Pelante mian paŝon sen kompato?
Ĉu vane pensis, provis kaj produktis?
Neniel! Ja ne mankas rezultato.

Jes ja:
Freŝigaj la raportoj pri progreso,
Instigaj vortoj de amiko kara,
Frataj kunvenoj — festoj sen forgeso...
Jen dolĉaj gutoj en kalik' amara.

Kaj jen:
Belvice sur bretaro la taĉmentoj
De batalantoj por montidealoj:
Fiksitaj pensoj de kvin kontinentoj,
Centmil' da paĝoj — libroj kaj ĵurnaloj.

Sed ho!
Tre multe, tro postrestas nefarita.
Kaj kvankam la fidela kor' senlacas,
La sang' ankor' sin pelas verva, ŝpita,
Tamen la hor' ne haltas... kaj minacas.

Ho ve!
Kiom deziras mi ankoraŭ fari,
Eĉ se la kara mondo ĝin ne dankas!
Kiom ankoraŭ plani kaj prepari!
Sed tempo urĝas, kaj la jaroj mankas.

Tamen
Ĉu grave, se ne mi kaj vi plenumos
De l' majstro-verkon kaj la belan revon?
Malprave pri l' destino ni cerbumos;
Sufiĉas, se ni faras nian devon.

Ĉar eĉ
Se vi kaj mi ne plu al celo venos,
Se la Benitan Teron ni ne vidos:
Pli junaj de ni la standardon prenos
Kaj la Aferon al triumfo gvidos.

kune kun mi dum momentoj iĝis sangoruĝa. Sed supre, kie kisinda ĉambrokatjno pepetis, poste barbhava, franc-aspekta sekretario montris la vojon... kaj, dum dande ni rulis la ŝrankon interuen: sunlumkolora moŝtino nin akceptis kaj goblenoj, facetitaj speguloj, kiuj rebrilis nian fieran paŝadon kaj la komforte pluruliĝantan monŝrankon — tie supre mi tiel ekamis ĉi tiun metion, ke mi prenis la manon de la grandlipliara oĉjo Joĉjo, kiam ni retrotadis al ilia kutima trinkejo:

— Ĉu mi povus resti? — kaj mi rigardis en liajn okulojn.

Ankaŭ la ceteraj aŭdis tion kaj ili gapis en la aeron, kvazaŭ tie estus skribita la respondo, poste lipkurbigante ili ektiradis siajn karnŝvelajn ŝultrojn, dirante, ke la afero ne prosperas, ankaŭ ili apenaŭ havas ion por manĝi... kaj subite ili frapis en mian manon...

De tiam mi estas inter ili: se ne estas laboro, mi sidas post ŝaŭm-nubo de kruĉo da biero; aŭ mi rigardas, kiel ek- kaj malaperas la senkorpe parolantaj kapoj en la alte kuŝanta fenestro. Se estas laboro: mi muskolstreĉas, oscedas, suprengrimpas la veturilon; kun sama fieraĉo mi fajfas tra la stratoj kaj skuigas mian dikiĝintan korpon kiel ili. Al la knabinoj ni alkrias porkaĵojn kaj pluflugas plante la pol on. Sepi estas la plej forta inter ni; ĉiumatene li levadas halterojn; kaj ni sesope sen kontraŭstaro batus eĉ tridekon da studentĉapuloj.

Se ni preterrajdas parkon: mi ekstaras sur la iloj kaj krias al la senlaboruloj: — Venu... kaj se aperas iu, kiu estas tre malgrasa aŭ malsan-aspekta, mi rifuzas lin: — Ne kadavrojn ni bezonas, fraĉjo... — kaj dum ni kuras kun nia orbruna, dikiĝinta ĉevalo Sara, mi vidas, kiel ekkurbiĝas, kiun mi forlasis, kiel malrapide li metadas la piedojn, eble li eĉ ploras.

Kaj ĉi tiuj rekte min komjsias per tiaĵo; ili memorigas min pri la aĉaj tempoj.

Ofte ni drinkas: ankaŭ hieraŭ vespere, la du stratkokinoj, la flavhara Terĉi kaj la preskaŭ ruĝhara Giza estis kun ni. Estis varmega vespero: ni trinkis multan bieron, kaj poste paprikan vinon. Oĉjo Joĉjo perforte sendis la grandpostaĵan harmonikanton sub la tablon, tie li igis lin muziki, kaj li kaptis ĉe talio la ruĝharan putinon kaj li dancis sur la tablo, kvazaŭ li ankoraŭ ne estus kvindekjarulo.

Tiuj ĉi du virinoj poste ege malfortigis nin en la hotelo; hodiaŭ matene ni sidis kun plumba vizaĝo kaj glutadis la sodon, kaj la fortan paprikon. Nur oĉjo Joĉjo rigardadis fiere la tablon, li eĉ karesadis la lokon de la danco.

Estis someraj varmegoj: ĉio pleniĝis per grandaj burdoj: estis agrable, ke sub miaj piedoj la akvumita planko sendas malvarmeton kaj ke la hundo Bodri de la trinkejestro venas de mano al mano por mordetadi la finon de niaj pigraj fingroj.

Sepi ekdormis sidante kaj ronkis al la Suno: ankaŭ ni jen malfermis, jen fermis la okulojn.

En la granda silento eksonoris la telefono. La trinkejestro signas al mi per sia longa pipo; ĉiam min li vokas, ĉar mi havas pli saĝan vizaĝon kaj buŝon ol la ceteraj. Mi iras kun ne tro granda emo kaj ĝemante-spirante mi prenas la aŭdilon al la orelo:

— Halo, — mi murmuras, — mi kisas la manon, sinjorino... ordonu... kian numeron vi bonvolis diri?... La monŝranko estas sepnumera... Trefort-strato 7, dua etaĝo, loĝejpordo 3... mi jam notis... en unu horo ni estos tie... jes, en unu horo ni estos pretaj... se vi ne volas marĉandi, la lasta prezo: kvindek pengoj... estas ja granda laboro... kun plena respondeco... jes, ni estos tie... mi kisas la manon...

Tondre mi kunfrapas la manojn: Franci, portu la veturilon... ili membrostreĉas... kaj sur la veturilo hezite, malrapide ili konsiliĝas, kiom da helpantoj ni prenu el la parko?

— Du, ili sufiĉos malantaŭe.

Oscedante ni pasas tra la stratoj. En ĉiuj niaj membroj estas granda pigremo; nia kokso estas peza ŝtono: ĝi volas ŝirĝi el ni; la ĉemizon ni tute elbutonumas, tiel granda estas la varmego. Estus plej bone dormi kaj ne labori. Sed se el la kvindek pengoj ni donos kvar al la helpantoj: restos tiom, kiom sufiĉos al ni ses por du-tri tagoj.

— Ĉu la monŝranko estas betonita? — demandas subite oĉjo Joĉjo kaj mi skrapas la kapon: — Tion mi forgesis demandi.

— Ĉar se ĝi estas betonita, tiam vi povos preni ses helpantojn anstataŭ du, kaj tiam la mono estas for!

Nu, ni vidos. Kaj mi mansvingas, kiel iam oni faris al mi: kvin kuras al ni spiregante. Ekscitite ili proponas sin... kiun mi elektu... venu tiu ĉi malgranda dikulo, li havas fortajn ma-

nojn... kaj ankoraŭ kiun... tiu ĉi longulo ŝajnas deveni el bona loko, sed li estas malgrasa... nu, li venu...

La malgranda dikulo nomiĝas Palj: tuj li pelas cigaredon, antaŭpage, kaj komencas porkadi kaj blasfemadi. Li tre plaĉas al ĉ:u. Sed tiu ĉi longulo kun la maldika kolo nur rigardadas antaŭ sin palpebrumante kaj lian hararon disblovas la vento. Li aspektas, kvazaŭ li sidus sur aŭto kaj ĝuus la kareson de l' vento, bondevena knabo li estas, — mi pensas, — li ja ricevu iom da mono... sed kiam ni haltas en la Trefort-strato kaj elpoŝiginte li surmetas n:kelkadrajn okulvitrojn: mi pensas, ke la aliaj lin forpelos, ĉar li aspektas tro delikate. Sed eĉ alvoki oni ne devas lin, li prenas la pezajn ŝnurojn, tuj li estas ĉe la glitilo, faras ĉion senvorte, ne tiel, kiel la malgranda diku'o. Mi jam ĝojas, ke lin mi prenis.

— Tiuj du restas malantaŭe, — diras oĉjo Joĉjo kaj klakfrapas la ferflankon de l' ŝranko, — ĝi estas betonita, nu vidu... Vi, Izak, aŭ kiel vi nomiĝas, — li turnas sin denove al ili, — prenos la ferstangon kaj ne lasos regliti la ŝrankon, eĉ se vi rompiĝus. Kaj vi, Palko, ŝovu ĝin flanke, sed... forte!

La ŝranko estas pezega. Kaj la ŝtuparo estas tre mallarĝa: el la ferbariloj elstaras eĉ la forĝitaj florornamajoj. Kaj en ĉiu etaĝo estas granda kurbiĝo.

Ni stariĝas al la fino de la ŝnuro. Ho ruk!

Ĝi eĉ ne moviĝas. Komprenеme ni okulumas unu al la alia: ni estas pigregaj, niaj muskoloj ankoraŭ ne vekiĝis.

— Diablon!... ho ruk!... ĝi jam glitis du ŝtupojn... kaj nun kriadante ho ruk, konvu!sie ni prenas la ŝnuron inter la manplatojn: ni tiras, ke nia kolo ekŝvelas.

Rigardante tra la sangruĝo de l' tirado, mi ne vidas la malgrandan diku!on, tiu malsupre laborfuĝas, sed tra la okulvitroj de la longulo fluas la ŝvito, lia buŝo estas malfermita k'el pordego, la knabo spiregas kaj preskaŭ diskrevas, ŝovante per la ferstango la ŝrankon, supren.

— Tio ne estas ŝerco — spiregas oĉjo Joĉjo skuante sian blankan kapon: kvazaŭ pluvego falus de sur lia vizaĝo, tiel disŝutiĝas lia ŝvito. Ankaŭ mia ĉemizo glitis el la pantalono kaj de supre la aerfluo malvarme blovas sur mian karnon. La ventro de Franci estas elkurbiĝinta kaj siajn du malbonajn dentojn li elmetas sur sian mentonon. Lia nazo tremas pro la fortostreĉado. Alifoje mi povus porti dekoble pli, sed tiu stulta nokto elsuĉis mian forton... kaj tiun de la aliaj... kvazaŭ tirus nur niaj ostoj, kaj miaj muskoloj nur pendus balaste.

Feliĉe ni atingas la ripozejon de la unua etaĝo. Tondras Jesuokristoj, ni kraĉadas, nian vizaĝon kuirjtan ĉevalviankolora ni viŝas en nia ĉemizo: la katara Sepi sufokiĝe volas ekfumi, sed oĉjo Joĉjo dejetas lian tu!an cigaredfabrikon al la teretaĝo: — Kiam ni estos pretaj — li spiregas, — ĉu tiom multe la pulmoj vi havas?

La malgranda dika Pali apogas sin al la barilo; super la ŝranko li trakraĉas al la muro kaj diras: — Ho, ne Dio...

La longulo senĉese purigas siajn okulvitrojn: levas ĝin al la sunlumo, spiras sur ĝin kaj eĉ vorton ne dirus, se mi ne demandus lin: Estas peze, ĉu ne? Li kapbalancas: Jes, ja...

Ni ekiras denove. Jam ankaŭ tio estas malbona, ke la ripozejo estas kovrita per linoleumo kaj sur ĝi niaj kalkanumoj glitemas kvazaŭ sur glacio. Kun granda peno ni atingas la unuan ŝtupon de la dua etaĝo. Certe por tia laboro la

# Duran-dal

— Frederi Mistral —

Vi certe aŭdis jam pri tiu Duran-Dal:
Pri l' spado de Roland' multbatale svingita,
Kaj en Rok' Amadur' ankoraŭ pendigita.
Ĝi falĉis, laŭ la fam', sep mejlojn ĉirkaŭ l' ŝtal'

Roland', vidante sin en lasta mortbatal',
Plenpugne premis ĝin, sciante ĝin vendita
Al maŭro-saracen', kaj per la kling' hardita,
Por rompi ĝin, al rok' frapegis. La metal',

L'ekfu!mo de l' metal' disjetis tiajn brilojn,
Ke la rabbirdoj tuj, strečinte la flugilojn,
Ekflugis kun timeg' rondŝvebi en la blu'...

Entuziasmo, vi de kiu mia sango
Ardadas, povu do, se rigidiĝos lango,
Same al rabbirdar' radii, plu kaj plu...

El la provenca: *R. Laval.*

kvindek pengoj estas malmultaj. Kaj estus plej bone ripozi plj longe, aŭ iri por pliaj homoj. Unu etaĝo — tio estas nenio. Sed sur la dua ĉio duobligas sian pezon. Sed jam ne decas retjriĝi, se ni okope komencis. Eĉ unu el nj ne malfermas la buŝon. Vira kutimo: tjri, eĉ se ni ne kapablas... tamen supren'iri.

Mi jam tiel kunkutimiĝis kun tiuj ĉi kamaradoj, ke certe mi scias: se ĝi estas peza por mi, se mi ne povas ĝin porti: ankaŭ ili ne povas. Kaj tial ilj ege konsterniĝas ĉe la kurbiĝo de la dua etaĝo. Mi tiras, preskaŭ krjante, sed sur la eĝo de l' ŝtupoj ek-ekglitas miaj piedoj kaj apenaŭ mi ricevas novan fundon sub mja plando. Kaj la ŝranko haltas obstine kaj tuj reglitas unu ŝtupon.

— Oĉjo Joĉjo, — mi spiras, — kaptu ĝin do.

— Mi ja kaptas ĝin! — kaj lj estas purpurruĝa kiel ankoraŭ neniam.

Tiuj aĉaj du virjnoj kaj tiu multa vino hieraŭ nokte. Jen ni estas en la saŭco.

— Do tiru ĝin! — ekblekas ankaŭ Franci.

— Ho ruk! — tondras la bas-voĉa Sepi kaj ekbaŭmas la giganto, li staras preskaŭ piedfingre, kvazaŭ li volus elŝirj sin el la tero... sed tremante li refalas, sen tio, ke la ŝranko ekmoviĝus. Kaj ni estas ja en la ŝvebanta duoncirklo: la postaĵo de la ŝranko estas en la aero, preta je resvingiĝo: se ĝi refalos, ĝi trarompos la ŝtuparon.

Ni staras sangruĝe, nia spiro peze ŝvebas, kaj ŝajnas, ke la ŝranko malrapide ellevas niajn kokson kaj brakojn el sia loko. En mia mano la ŝnuro jam ekglitis iom kaj la glitilo moviĝetas tien-reen.

Ni rerigardas. Nelonge nj eltenos. La longulo luktas spiregante: la ferstango kuŝas sur lia ŝultro, lia buŝo iĝis oblikva, kelkfoje li ekkurbiĝas, sed poste denove li releviĝas kune kun la ŝranko.

— Kio okazos ĉi tje? — pensas mi kaj fermas la okulojn. — Ho ruk! — mi krias, — ho ruk!... ho... moj!

Ŝed teruriĝinte mi vidas, ke la dika Pali rapide elrampas de sube kaj kiel eta knabo, li falas sur la glitan barilon kaj glitas malsupren.

— Por du pengoj mi ne mortaĉos! — li rekrias... kaj li jam estas malaperjnta.

Mi ne havas forton por postkrij: aĉa kanajlo.

Sed la blonda knabo, surdiĝinte pro la luktado, nur staras, nun la ŝranko subpremas lin kune kun la ferstango, sed kiel la dronanto, li releviĝas, rigardas njn kun vitrecaj okuloj: — do — li stertoras — do...

Ni ne povas lin lasi, eĉ se ni mortos. Prefere mi krias por helpo, venu la tuta domo, sed rapide. Sed el la granda krio iĝis ia sufokiĝinta veboĵo: kvazaŭ ia bebo ĝemus el mia gorĝo. Pri tiu, tie malantaŭe, estas finite. Kaj tiuj ĉi dudek kvintaloj traboros la etaĝon kaj ankaŭ ni kunfalegos.

Jen kvazaŭ ŝvelinta blanka ĉemizo paŝadas supren: granda ventrego elpremas ĉi tiun blankan ĉemizon; nun mi jam vjdas ankaŭ liajn mallongajn piedojn, kiujn spirante li levadas de ŝtupo al ŝtupo. Apud li ekblondas la vizaĝo de maldika servistineto, kun legomplena korbo subbrake. La dikulo palpebrumas al ni, ekstampfas, anstataŭ tio, ke li jam estus ĉj tie. Mi krias al li, kvazaŭ mi donus al li cent pengojn: — Helpu, ĉar ĝi glitos sur vin... post kjo, ne elfalante el sia malrapidemo, li dejetas sjan jakon, ektordas siajn lipharojn kaj kjel bulo, li ruliĝas apud la okulvitrulon. Tiu ĝemante translasas la ferstangon sur la karnan ŝultron kaj ankaŭ li ekkuŝas kun brakstreĉo. Ankaŭ la grandventrulo komencas ruĝiĝi, spjregi, ankaŭ li ekteruras, kiam ĉio ekbalanciĝas. Kaj ni, preskaŭ ku'ante sur la ŝtupoj, lastfoje ektiras la glitjlon.

Knarante ĝi ekmoviĝas. Kvazaŭ dege'us de sur ĝi tiu granda pezo, obee ĝi sekvas nin de ŝtupo al ŝtupo. Kiam ni estas sur la rjpozejo: ĉiuj ni sjdiĝas sur la randon de la ŝranko. De sur nia vizaĝo falas la akvo kaj kelkfoje nj rigardas niajn manplatojn sangmorditajn. Ni sidas kaj ni lasus, ke tiel trafu njn la vespero... La stulta servistineto malfermas la babilaĉan buŝon: — Se sinjoro Frey ne helpus, k'o estus al vj okazinta... jes ja...

— Jes, jes — diras Frey spiregante, kaj surmetinte sian jakon, lj prenas el ĝi longan virginia-cigaron, — vi devus veni pli multe.

Kaj ankaŭ Frey formarŝas kun granda aplombo, kun la malĉika servistjneto. Mi aŭdas, ke li insulte njn riproĉadas, kaj la knabino repepas flatante.

Poste la ŝranko ruliĝas tra pompaj ĉambroj. Kvazaŭ en sonĝo ni puŝadas ĝin, tjmante, ke subite ni falegos.

Fine la kvindek pengoj estas en njaj manoj. La sinjorino vo'js eĉ marĉandi.

En unu mano mi premas la monon, per la a'ia lacege mi tenas la ferringon de la glitilo. Ni portas ĝin malsupren kvazaŭ grandan skarabon. La longulo, kvazaŭ du pafilojn, portas sur la ŝultroj la du ferhaspelojn.

Tute senhoma estas la strato ekstere. Ĉie oni tagmanĝas. La sola reganto estas la suno, ĝi kuiras-bakas la domojn, kvazaŭ ĝi volus ilin manĝi vespere. Sara ekhenas apud la timono kaj piedfrapas en la aeron.

— Fu, fu! — mi krias lace, — fu, fu.

La longulo senvorte sidiĝas sur la veturilon kaj flanke pendigas malsupren la piedojn. Sur lia ŝultro vidiĝas bluaj kaj ruĝaj strioj: la ferstango premis ilin tien. Sara trotas, el la mano de Franci preskaŭ elfalas la brido. Li ne svingadas ĝin kiel alifoje, prefere li klopodas ŝrumpi kiel eble plej malgranda, ke ankaŭ per tio li ripozigu siajn lacajn membrojn. Mia ĉemizo kaj pantalono estas nura ŝvito kaj en miaj ŝuoj estas lagetoj. Tiu ĉi veturilo skuos el ni la animon, ĝis ni atingos la drinkejon.

Antaŭ la parko ni haltas; mi montras kvinpengan moneron kaj ili kapbalancas jese: li meritas ĝin . . . sed la longulo eĉ ne moviĝas, nur pendigas la kruroj. Liaj okuloj estas fermitaj, eble li ekdormis.

— Ĉu ni portu lin ĝis la trinkejo? — mi demandas.

Kaj poste: — Oĉjo Joĉjo, li estas brava knabo kaj se ni iom lin grasigus . . .

Sed ĝuste nun li vekiĝas kaj vidante la parkon, li jam desaltas. Li rigardas nin konfuzite.

Subite mi donas al li la monon kaj mi aŭdas: dankon, dankon . . . Franci frapas al Sara . . . ni trotas plu . . .

Kaj ree ni sidas ĉi tie, ĉe la verdkovrilaj tabloj. Preskaŭ ni ĝemas pro la laco.

La kelnero Gusti senordone portas la ŝaŭmantaĵn bierojn: oĉjo Joĉjo mendas gu'aŝon.

— Necesas manĝaĉi — li diras amare, — necesas . . . Mi trinkas la bieron; dormeme mi gapas al ĝia sunluma suko . . .

Ĉirkaŭ mi la kapoj kliniĝas iom post iom sur la tablon: ili ekdormas dum hela tago. La malplenaj bierglasoj forlasite dormetas sur la tablo.

En la surmure pendanta spegulo reviidiĝas la tuta dormanta kunu'aro: mi iom rektigas min kaj lace mi rigardas en ĝin.

# Ne en trankvil'

— Zagul —

Poet' formiĝas en trankvil' silenta,
Kaj karakter' — en ŝtormo de la mond'.
*Goethe*

Ne en trankvil' formiĝas la poeto.
Ne en solec' de muto monak-ĉela.
En hom-amaso gaja kaj ribela
Li fiksas brilan tendon por dismeto.

Ja lia viv' — pavimo, ne pargeto.
Paletro — placoj, strat' de homoj ŝvela,
Li tie prenas el viv-trilo bela,
El amasmov' cel-sturma kun impeto.

Nek triolet', nek stanco, nek soneto
La Nunon ja ekfrapos kaj ŝancelos,
La poet' de l' viv' — ne klasikul-esteto —
Realon plene per la kant' rivelos.

La viv', ĉi mar', milvoĉe sejas soni,
Li devas ĝiajn melodiojn koni.

El la ukraina: *E. Miĥalski.*

---

Sara ekhenas sur la strato, oni devas ĝin trinkigi. En la kuirejo mi prunteprenas sitelon kaj, apogante min al la timono, mi rigardas la malfermiĝintan buŝon de la ĉevalo, ĝiajn flavajn dentojn kaj g'utegantan langon. Kiom ĝi trinkas!

— Gusti, — mi krias tra la fenestro, — portu ĉi tien kruĉon da biero. Kaj mi trinkas, kune kun la ĉevalo.

El la hungara: *L. Tárkony Totsche*).

Kiam en 1938 mi tradukis ĉi tiun novelon, mi ne konjektis, kia tragika sorto atendas la novelistion *Andor Endre Gelléri*. Li naskiĝis en 1908, en Budapest. En sia luktoriĉa proleta junaĝo jen kiel transportisto li vivas kaj suferas, jen kiel serуristo li vivtenas sin. Sed lia talento rompas vojon, oni ekatentas pri liaj skribaĵoj kaj iom post iom lia nomo iĝas konata. Lia unua novelovolumo aperis en 1931. En 1944 la hungaraj nazianoj deportis lin kaj de tiam neniun sciigon oni havas pri li. Lian skribarton, tiun ĉi belegan teksaĵon de la sonĝo kaj realo, ekvilibrigas ia emocia rilato inter la modero kaj senbrido. Ĉiuj liaj verkoj prezentas la teruran mizeron. Ili estas etaj ĉefverkoj facile skizitaj per ludema petolo kaj nur post ilia lego konsciiĝas la leganto, kiom ili malĝojigis lin: ĉar la ludema surfaco kovris profundan tragedion.

*(Tradukinto.)*

# MORTO

— Lu Sin —

»Nenia sono, — kio estas al la ineto?« Ruĝnazulo Aĝa Gung, tenante en mano tason da flavdrinkaĵo, buŝosignis al la najbara ĉambro. Kaj Bluhaŭtulo Kvinĉjo lasis sian drinkaĵtason, batis mortforte al li la dorson kaj kriis malklare:

»Vi... vi-vi denove fantazias...«

Oni devas scii, ke Urbeto Lu estas provinca loko kaj ankoraŭ estas iomete antikvamora: tuj post noktiĝo ĉiuj fermas la pordon kaj dormas. Noktmeze nur en du ĉambroj oni ankoraŭ ne dormis: unu estis la Ŝienheng-drinkejo, en kiu kelkaj drinkamikoj ĝoje manĝis kaj trinkis ĉirkaŭ la montrotablo; la alia estis tiu de Kvara Bofranjo Ŝan, kiu, ekde sia vidviniĝo antaŭ du jaroj, devis perlabori la vivrimedojn, por si mem kaj sia trijara filo, ŝpinante kotonfadenon per sia paro da manoj ĝis malfrue en la nokto.

Ĉi tiujn tagojn efektive ĉesis la sono de ŝpinado. Sed ĉar noktmeze nur en la du ĉambroj oni ankoraŭ ne dormis, tial se estis sono en la ĉambro de Kvara Bofranjo Ŝan, nur la drinkuloj aŭdis, kaj se ne estis sono, ankaŭ nur ili sciis.

Batite, Aĝa Gung trinkis, kvazaŭ tre ĝue, plenegan buŝon da drinkaĵo kaj u-ue ekkantis kanteton.

Tiam Kvara Bofranjo Ŝan sidis sur la litrando kun Baoĉjo ĉe l' sino, kaj la ŝpinilo staris senmove sur la tero. En la malhela lamplumo la vizaĝo de Baoĉjo aspektis bluete ruĝa. Kvara Bofranjo Ŝan pripensis, ke ŝi jam petis aŭguron de dio, jurpromesis al dio kaj manĝigis al Baoĉjo la drogon, kion do ŝi povas fari, se li ankoraŭ ne resaniĝos? Tiaokaze ŝi povos nur iri al Feeto Ho por diagnozo. Sed eble Baoĉjo fartas bone tage kaj malbone nokte, morgaŭ je tagiĝo eble ĉesos la febro kaj spasmo-spiro: Tio ja ofte okazas al malsanuloj.

Kvara Bofranjo Ŝan, kiu estis malklera virino, ne komprenis la teruron de la vorto, sed' kvankam malfeliĉo ofte fariĝas feliĉo dank' al ĝi, tamen ankaŭ feliĉo ofte turniĝas en malfeliĉon kaŭze de ĝi. Somere la nokto estis mallonga: nelonge post kiam la drinkuloj ĉesis kanti, la orienta ĉielo jam komencis blankiĝi; kaj post momento tra la fenestro-fendo envenis aŭroro arĝentblanka.

Ne estis tiel facile al Kvara Bofranjo Ŝan atendi la morgaŭon, kiel al aliaj; ŝi sentis, ke la tempo pasas tre malrapide, ĉiu spiro de Baoĉjo estas longa kiel jaro. Fine tagiĝis; la taglumo paligis la lamplumon, — ŝi vidis, ke la nazloboj de Baoĉjo jam ŝveletadas.

Kvara Bofranjo Ŝan sciis, ke tio ne estas bona, ekkrie'is ,ho ve!' kaj pripensis: kion fari? Nur unu vojo restas: iri al Feeto Ho por diagnozo. Kvankam malklera virino, ŝi tamen estis decidema, kaj ŝi tuj stariĝis, pren's el la ŝranko dektri arĝentajn moneretojn kaj cent-okdek kuprajn monerojn, kiujn ŝi ŝparis tago post tago, ilin enpoŝigis, ŝlosis la pordon kaj kuris, kun Baoĉjo ĉe l' sino, al la domo de Feeto Ho.

Estis ankoraŭ frue, sed jam kvar malsanuloj sidis tie. Ŝi elpoŝigis kvar cenddekojn kaj aĉetis registran bambusplilon. Ŝi viciĝis la kvina. Feeto Ho etendis du fingrojn kaj palpis al Baoĉjo la pulson, liaj ungoj estis pli ol unu decimetron longaj. Kvara Bofranjo Ŝan sekrete miris pri tio kaj pensis en si mem: Baoĉjo eble vivos. Sed ŝi ne povis ne malpacienci kaj demandi ĝenate:

»Doktoro, kian malsanon mia Baoĉjo havas?«

»Ŝtopiĝo en la meza ĝao.«[1]

»Ĉu ne grava? Li...«

»Unue manĝigu al li la medikamentojn.«

»Li malfacile spiras, la nazloboj ja ŝveletadas.«

»Tion kaŭzis, ke fajro superas metalon[2]...«

Feeto Ho ne finis sian diron kaj fermis la okulojn; ŝi pensis ne dece plu demandi. Kontraŭ Feeto Ho sidis persono pli ol tridek-jara. Nun li jam finskribis recepton kaj montrante kelkajn vortojn sur la paperangulo, li diris:

»La unuan medikamenton ,infanprotektvivsavpilolo' oni povas aĉeti nur el Gia-familia Mondsav-apoteko!«

Preninte la recepton, ŝi iris pensante. Kvankam malklera virino, ŝi tamen sciis, ke la domo de la Ho-familio, la Mondsav-apoteko kaj ŝia hejmo ĝuste estas tri pintoj de triangulo; kompreneble pli konvenas unue aĉeti la medikamenton kaj poste hejmeniri. Do ŝi kuris rekte al la Mondsav-apoteko. La komizo, ankaŭ etendante siajn longajn ungojn, malrapide legis la recepton kaj pakis la medikamenton. Ŝi atendis kun Baoĉjo ĉe l' sino; li subite levis sian maneton kaj forte

tiris al ŝi faskon da dis'aŭzitaj haroj. Antaŭe li neniam tion faris. Ŝi stultiĝis pro timo.

La suno antaŭ longe leviĝis. Irante kun la infano ĉe l' sino kaj la medikamento-pako en mano, ŝi sentis, ke la pezeco pli kaj pli grandiĝas; kaj la infano senĉese barakltis, ke la vojo ŝajnis des pli longa. Ŝi povis nur sidiĝi sur la sojlo de riĉula loĝejo, kaj ŝi ripozis dum kelka tempo. Iom post iom ŝi sentis la malvarmecon de sia vesto kaj nur tiam ŝi eksciis, ke ŝi tutkorpe ŝvitas, kaj Baoĉjo kvazaŭ endormiĝis. Ŝi denove stariĝis kaj malrapide iris plu, sed ankoraŭ sentis la neelporteblan pezecon, subite ĉe sia orelo ŝi aŭdis iun diri:

»Kvara Bofranjo San, permesu, ke mi portu por vi, he?« Ŝajnis, ke tio estas la voĉo de Bluhaŭtulo Kvinĉjo.

Kiam ŝi levis sian kapon por vidi, — efektive tie ŝin sekvis dormeme Bluhaŭtulo Kvinĉjo.

Kvankam tiam ŝi esperis, ke iu ĉielgeneralo descendos kaj donos al ŝi helpmanon, tamen ŝi ne volis, ke la helponto estu Kvinĉjo. Sed Kvinĉjo estis iom kavalira kaj nepre volis helpi, tial post iom da ĝentilado finfine ŝi donis permeson. Kaj li etendis sian brakon, enpuŝis ĝin rekte inter ŝian mamon kaj la infanon, kaj ĝin forprenis de ŝi. Ŝi tuj sentis varman strion sur ŝia mamo kaj la varmo kuris rekte al la vango kaj la orelo.

Ili iris kune, kun pli ol ok decimetroj da interspaco. Kvinĉjo ion paroladis, sed ŝi plejparte ne respondis. Irinte ne longe, Kvinĉjo denove redonis al ŝi la infanon, dirante, ke jam estas la tempo hieraŭ arangita por manĝi kun amikoj; kaj ŝi prenis al si la infanon. Feliĉe jam ne estis malproksime de l' hejmo, kaj baldaŭ ŝi vidis Naŭan Onklinon Uong, sidantan sur la strato kaj parolantan al ŝi de malproksime:

»Kvara Bofranjo San, kiel fartas la infano? — ĉu vi jam vizitis doktoron?«

»Mi ja vizitis doktoron — sed Naŭa Onklino Uong dufoje balancis, dufoje skuis la kapon.

»Ej ...« post iom da ekzameno Naŭa Onklino Uong dufoje balancis kaj dufoje skuis sian kapon.

Kiam Baoĉjo englutis la medikamenton, jam pasis tagmezo. Kvara Bofranjo San zorge lin observis, li ŝajnis multe pli trankvila; malfrue en la posttagmezo subite li malfermis la okulojn kaj vokis ,Panjo' kaj denove ilin fermis kvazaŭ enendormiĝante. Post kiam li dormis dum iom da tempo, ŝvitgutoj troviĝis sur la nazpinto, ŝi ilin tuŝetis kaj sentis ilin gluaj kiel gumo; ŝi rapideme palpis lian bruston, kaj ne povis sin deteni de plorĝemo.

La spiro de Baoĉjo pasis de trankvileco al tuta ĉeseco kaj la ploro de Kvara Bofranjo San pasis de ĝemo al kriego. Tiam homoj kolektiĝis en kelkajn grupojn: interne de la pordo estis tiaj kiel Naŭa Panjo Uong kaj Bluhaŭtulo Kvinĉjo, ekstere estis tiaj, kiel la Sjenheng-drinkejestro kaj Ruĝnazulo Aĝa Gung. Laŭ la ordono de Naŭa Panjo Uong oni bruligis ĉenon da papermono[1]; kaj per la garantio de du benkoj kaj kvin vestoj oni pruntis por Kvara Bofranjo San du dolarojn, per kiuj oni preparu manĝon por la helpantoj.

La unua demando estis pri ĉerko. Kvara Bofranjo San ankoraŭ havis paron da arĝentaj orelringoj kaj unu oritan arĝentharpinglon, ĉiujn ĉi oni donis al la Sjenheng-drinkejestro kaj petis, ke li estu garantianto kaj aĉetu duonkontante kaj duonprunte ĉerkon. Bluhaŭtulo Kvinĉjo ankaŭ eltiris sian manon kaj tre volonte proponis sian servon; sed Naŭa Onklino Uong lin rifuzis kaj nur permesis, ke morgaŭ li portu la ĉerkon. Li sakre nomis ŝin ,maljuna besto' kaj kun elpuŝita buŝo staris malgaje. La drinkejestro foriris, kaj revenis vespere kaj diris, ke oni devas nun fari la ĉerkon kaj ĝi estos preta nur postnoktmeze.

Kiam la trinkejestro revenis, la helpantoj jam antaŭ longe vespermanĝis; kaj, pro la iom antikva moro de Urbeto Lu, tuj post noktiĝo ĉiuj hejmeniris por dormi. Nur Kvinĉjo ankoraŭ drinkis antaŭ la montrotablo de la Sjenheng-drinkejo kaj Aĝa Gung u-ue kantis.

Tiam Kvara Bofranjo San sidis sur la litrando plorante, Baoĉjo kuŝis sur la lito kaj la ŝpinilo staris senmove sur la tero. Post longa tempo ŝiaj larmoj elĉerpiĝis; larĝe malferminte la okulojn, ŝi ĉirkaŭrigardis la ĉirkaŭaĵon, sentante ĝin stranga: ĉio estas neebla. Estas nur sonĝo, ŝi pensis, ĉio estas sonĝo, morgaŭ vekiĝinte ŝi, kiel kutime, kuŝos sur la lito kun Baoĉjo dormanta apude. Li ankaŭ vekiĝos, vokos ,panjo' kaj tigrovigle forsaltos por ludi.

La kantado de Aĝa Gung antaŭ longe ĉesis kaj la lampo de Sjenheng-drinkejo estingiĝis. Kun okuloj larĝe malfermitaj Kvara Bofranjo San ĉiam ne povis kredi ĉion okazintan. — La koko jam kokerikis; la orienta ĉielo iom post iom blankiĝis, tra la fenestrofendo envenis arĝentblanka aŭroro.

La arĝentblanka aŭroro denove iom post

# AL MUSO,

## kies nesfon li renversis per la plugilo
## Robert Burns

Velura, kaŭra tremuleto,
En brusto kia malkvieto!
Ne saltu for en la impeto
De tim' freneza!
Ne sekvos mi en murdo-preto
Kun ŝpato peza.

Ve, ke la homa diktaturo
La ligon rompis de l' naturo,
Puŝante vin en sku-teruro
Al forkurado
De mi! — mizera terkunulo
Kaj sortofrato!

Vi, fakte, ŝtelas, sed ĉu gravas?
Ja kio? ori vivi devas!
Se vi el garb' spiketon levas,
Neniom ĝenu!
Se la restajon mi ricevas,
Mi danke prenu!

Dometo via jen ŝirita!
Distaŭzas ĝin la vento spita;
Kaj ĉio mankas por rapida
Konstru' de nova,
Dum ve! eksiblas vintro frida
Kun akro blova!

En flava velk' vi kampojn vidis,
Decembro nigra alrapidis,
Kaj kaŭre sub la ter' vi sidis
Kun varma felo.
Sed kriŝŝ! la kruela klingo splitis
Tra via ĉelo!

Ĉi ruboneston el herbajo
Masonis vi per pena maĉo;
Nun vi ĝin perdis, ho domaĝo!
Senhejma, nuda,
Vi elmetiĝas al la draŝo
De vintro kruda!

Vi, Musêjo, spertis nun en pleno
La vanon de la projektemo:
De mus' kaj hom' plej bona peno
Ja ofte falas,
Kaj ne per ĝoj', sed per ĉagreno
Ĝi nin regalas.

Tamen, feliĉa vi! sub plago
Nur de la hodiaŭa tago;
Sed ŝarĝas min dum vivovago
La ve' *pasinta;*
Kaj ankaŭ premas per imago
L' *estont'* timinda!

El la angla: *Reto Roseti*

---

iom ruĝiĝis, kaj poste la suno eklumiĝis la tegmenteĝon. Kvara Bofranjo Ŝan stulte sidadis kun malfermitaj okuloj; nur kiam ŝi aŭdis frapon sur la pordo, ŝi vekiĝis surprizite kaj elkuris malfermi. Ekster la pordo staris nekonato kun io sur la dorso; malantaŭ li staris Naŭa Onklino Uong.

Ha, i'i alportis ĉerkon.

Jam estis posttagmezo, kiam oni fermis la ĉerkon: Ĉar Kvara Bofranjo Ŝan jen ploradis, jen rigardadis kaj longe ne volis decide ĝin fermi; nur dank' al Naŭa Onklino Uong, kiu malpacienciĝis, alkuris kaj fortiris ŝin de la ĉerko, finfine oni ĝin fermis sepman-okpiede.[4]

Sed Kvara Bofranjo Ŝan jam faris ĉion farebla por sia Baoĉjo, kaj nenio mankis. Hieraŭ oni bruligis ĉenon da papermono, matene denove bruligis kvardek naŭ ‚Sorĉojn al Guanjin'[5]; dum la enĉerkigo oni surmetis al li la plej novajn vestojn, kaj la ludilojn plej ŝatitajn de li — unu argilpupon, du lignopelvojn, du vitrobotelojn, — ĉiujn ĉi oni metis apud la kapkuseno. Poste Naŭa Onklino Uong zorge kalkulis per la fingroj, sed neniel povis trovi ian mankon.

Ĉi tiun tutan tagon Bluhaŭtulo Kvinĉjo neniam aperis; do la Ŝienheng-drinkejestro dungis por Kvara Bofranjo Ŝan du portistojn por po ducent-dek kupromoneroj, ke ili portu la ĉerkon al la publika tombejo[6] por ĝin enterigi. Kaj Naŭa Onklino Uong helpis ŝin prepari manĝon, ĉiuj ion dirintaj aŭ farintaj , manĝis. La suno iom post iom mienis, ke ĝi subiros; la manĝintoj ankaŭ senkonscie mienis, ke ili hejmeniros, — kaj finfine ili hejmeniris.

Kvara Bofranjo Ŝan sentis egan kapturniĝon, kiu fariĝis pli milda post iom da ripozo. Sed denove ŝi sentis ĉion tre stranga: ŝajnis ke

# La sonoriloj

— Edgar Allan Poe —

Aŭdu, sleda sonoril'!
Arĝent-tril'!
Ho, pri kia gaja mondo melodias ĉi babil'!
Tinte, tinte, tinte tri'as
Tra l' glacia nokt-obskur'!
Dum la steloj al ĝi brilas
Okulume kaj jubilas
Supre en kristal-plezur';
Takte, takte, takte plu,
Kiel en runa ritmo-flu',
Ondas tiu tintetado el la trila, brila blank'
De l' arĝenta lang', lang', lang',
Lang', lang', lang',
El la pinta, tikle tinta arĝent-lang'.

Aŭdu, nupta sonoril'!
Ora tril'!
Kian mondon de feliĉo harmonias ĉi jubil'!
Kiel ĝi tra l' nokt' balzama
Zumas per plezur' aklama!
Kian flu'dan oron rulas
Pur-game nun.
Kia Ekva lid' lukulas
Al la turdo kiu aŭskultas kaj okulas
Al la Lun'!
El sonora son-girland'
Kia eufonio vasta verŝas sin kun varma skand'
Ĝis trans land'
Al la land'
De l' Futur' de kore fand'
Kaj de ravo, kies grand'
Svinge sendas, ringe etendas
Ondojn el la ora lang'
El la lang', lang', lang', lang',
Lang', lang', lang',
En la triloj kaj jubiloj de l' or-lang'.

Jen, alarm-anonca lang',
Bronza lang'!
Kian terurajon al ni diras tiu son-lavang'!
Tra l' orel' de l' nokt' horora
Hurlas per terur' trabora,
Por parol' tro hidas ĝi,
Eblas sole kri', kri', kri'
De sovaĝ',
En indulg-petegoj, kiuj al la murda fajr' ekzaltas,
En frenezaj preĝoj, kiuj al la surda fajr' ekzaltas,
Dum ĝi altas, kaj pli altas,
Kun dezir' damnita saltas
Svebe, strebe, plej decide,
— Nun, se iam! Nun, senbride
Supren ĝis la pala lun-vizaĝ'!
Ho, la fera lang', lang', lang'!
Muĝas en ĉi son-lavang'
Malesper'!
Kiel klakas, krakas, plendas,
Per hororo kia fendas
Tra la brue bata brusto de l' aer'!

---

ŝi renkontis ion nenjam renkontitan dum sia tuta vivo, ion kio ne ŝajnas ebla, sed efektive okazis. Ju pli ŝi pensis, des pli stranga ĉio aspektis, kaj ŝi sentis unu pluan strangaĵon: — en la ĉambro subite fariĝis tro silente.

Ŝi stariĝis, bruligis la lampon, kaj en la ĉambro des pli silentiĝis. Ŝi duonkonscie iris fermi la pordon, revenis kaj sidiĝis sur la litrando. La ŝpinilo senmove staris sur la tero. Ŝi provis momente sin kvietigi, rigardis ĉirkaŭe, kaj sentis sin des pli maltrankvila. Ne nur estis tro silente en la ĉambro, sed ĝi ankaŭ estis tro granda kaj la spaco tro malplena. La tro granda ĉambro ŝin ĉirkaŭis kaj la tro malplena spaco ŝin premis, ke ŝi ne povis facile spiri.

Nun ŝi sciis, ke ŝia Baoĉjo efektive mortis, ŝi ne volis vidi ĉi tiun ĉambron, estingis la lampon kaj kuŝis. Ŝi ploris kaj pensis: tiam ŝi ŝpinis kotonfadenon kaj Baoĉjo sidis ĉe ŝia flanko manĝante fenkolfabojn,[7] kun paro da malgrandaj nigraj okuloj, larĝe apertaj, li pensis dum momento kaj diris: ,Panjo — paĉjo vendis huntunojn,[8] kaj kiam mi plenkreskos, ankaŭ mi vendos huntunojn, gajnos multe, multe da mono, — ĉion mi donos al vi'. Tiam efektive eĉ la ŝpinita fadeno ĉiucole havis signifon, ĉiucole vivis. Sed kiel estas nun? Pri la nuno, tamen, ŝi fakte nenion pensis. — Mi jam antaŭ longe diris, ke ŝi estis malklera virino, kiel ŝi povis ion pensi fruktodone? Ŝi nur sentis, ke estas tro silente kaj la ĉambro estas tro granda kaj malplena.

Sed kvankam malklera, ŝi tamen sciis, ke animreveno estas neeblajo kaj sian Baoĉjon ŝi efektive ne povos plu vidi. Ŝi ekĝemis kaj diris kvazaŭ al si mem, »Baoĉjo, vi devas ankoraŭ esti ĉi tie, lasu ke mi vin vidu en sonĝo«. Kaj ŝi

Oni klare elorelas
Laŭ l' akcento
De l' lamento
Ĉu malkreskas plag' aŭ ŝvelas!
Scias la oreloj dank'
Al la grado
De l' hurlado
Sinkon, ŝvelon de l' flam-lang',
Per la sinko aŭ resvingo de l' horora son-lavang'
De la lang'
De la bronza lang', lang', lang',
Lang', lang', lang',
Per la ondoj de la tondroj de l' bronz-lang'.

Aŭdu, jen severa lang',
Fera lang'!
Kia mondo de soleno en la monotona skand'!
En la nokt-silent' l' animo
Kiel frostas de la timo
Ĉe l' melankoli' minaca de l' tontrem',
Ĉar ja ĉiu voĉ' elflua
El la rusta faŭk' ekbrua
Estas ĝem'.
Kaj la gento, ha, la gento,
Kiu sub la tur-tegmento
Ĝis ekstrem'
Pelas tonon, tonon, tonon
Por la morna rekviem',
Sentas glora ru'i ŝtonon
Sur hom-koron por disprem':
Nek virin', nek vir-statura,
Kaj nek best-, nek hom-natura:
Gnoma hord'!
Reĝ' ilia — la herold'!
Tiras li per truda tord'
Kruda tord'
Peanon el la fera lang',
Gaje ŝvelas lia flank'
Kun la pean' de l' fera lang',
Hurle dancas sur la plank',
Takte, takte, takte plu,
Kiel en runa ritmo-flu',
Laŭ la peano de la lang'
Fera lang';
Takte, takte, takte plu,
Kiel en runa ritmo-flu'
Laŭ profunda ĝem' de l' lang'
De la lang', lang', lang',
Laŭ korvunda trem' de l' lang'
Takte, takte, takte plu,
Kun rikana vang', vang', vang',
Kiel en runa ritmo-flu'
Laŭ tumulta sving' de l' lang'
De la lang', lang', lang';
Laŭ singulta sink' de l' lang',
De la lang', lang', lang', lang',
Lang', lang', lang',
De l' plorplenda kaj korfenda fera lang'.

El la angla: *K. Kalocsay.*

---

fermis la okulojn, volis tuj endormiĝi por vidi sian Baoĉjon, kaj tra la silento kaj malpleno trairis aflikta spiro, kiun ŝi mem klare aŭdis.

Finfine ŝi nebule eniris la dormlandon. En la tuta ĉambro estis tre silente. Tiam Ruĝnazulo Aĝa Gung jam antaŭ longe finis sian kanteton; tamen, ebrie elirinte el la Ŝjenheng-drinkejo, li denove altigis sian voĉon kaj kantis:

»Ho, mia malamikin'![9] — kompatinda, — soleca ...«

Kaj Bluhaŭtulo Kvinĉjo ekkaptis la ŝultron de Aĝa Gung, kaj ili ebrie kaj zigzage, ridante kaj puŝante iris for.

Kvara Bofranjo Ŝan delonge endormiĝis, ankaŭ la drinkuloj foriris kaj la Ŝjenheng-drinkejo jam fermis la pordon. Tiam Urbeto Lu tute dronis en silentego. Nur la malluma nokto, volante fariĝi la morgaŭo, ankoraŭ pene kuradis en la silentego; cetere kelkaj hundoj sin kaŝante en mallumo u-ue bojetis.

El la ĉina: *Venlo Fon.*

[1] Laŭ la ĉina medicino oni havas tri ĝaojn. Supre de la enirejo de l' stomako estas la supra ĝao, kiu funkcias por enigi sen eligo. En la stomako estas la meza ĝao, kiu funkcias por digesti. La enirejo de l' veziko estas malsupra ĝao, kiu fukcias por eligi sen enigo.

[2] Laŭ la ĉina medicino sanon aŭ malsanon kaŭzas la interrilatoj de la kvin elementoj: akvo, fajro, metalo, ligno kaj tero.

[3] Ne bankbileto, sed papero en la formo de moneroj, speciale farita por mortintoj.

[4] Kune farante, sed senorde.

[5] Sorĉoj al Guanjin (la diino de kompato) presitaj sur papero.

[6] Nur riĉa familio havas sian propran tombejon.

[7] Fabo spicita per fenkolo.

[8] Speco de farĉita farunajo.

[9] Oni ofte nomas sian amatinon malamikino.

# Pri la Svisa Antologio

Guste antaŭ la eksplodo de la mondkatastrofo aperis ĉi tiu pura dokumento de la noble komprenata humanismo. La malpuraj ondoj defluis kaj kun renaskiĝanta espero ni komencis rekonstrui nian vivon kaj konstrui ĝin pli bona. Por tiu giganta tasko ni devas uzi ĉiun valoron, kiun ni trovas nedetruita inter la rubaĵoj. Sur la tereno de la Esp-a spirita vivo tia valorega postrestaĵo estas la nedifektitaj ekzempleroj de la Svisa Antologio.

Se post tralego ni demetas la dikan volumon, justa fiero kaj memcerto plenigas nian esp-an konscion: ja kiu nacia literaturo povus prezenti al ni tian ampleksan, tian klaran trarigardon de pli ol kvarcentjara literaturo de kvarlingva popolo? Kaj en tiel perfekta reverko, ke preskaŭ nenie oni rimarkas, ke oni legas tradukojn, la freŝo kaj viveco de la originalaj verkoj spiras de sur ĝiaj paĝoj. Antologioj, riĉe brilaj kalejdoskopoj de ne tro konataj literaturoj, ĝuste elektitaj verkoj, bonegaj tradukoj, plaĉa kaj solida eksteraĵo: se tiu serio havos sian daŭrigon, sen troigo, kun bona konscienco ni povas aserti, ke tiu serio estos unu el niaj plej efikaj propagandiloj, ĉar nur por ekkoni tiujn verkojn, jam indas lerni Esperanton!

Kvar lingvoj servas ile al la svisa literaturo: la alemana (svisgermana), la velŝa (svisfranca), la tiĉina (svisitala) kaj la romanĉa. Tri el ili estas samtempe lingvo de aliaj grandaj literaturoj. Kaj aŭtomate doniĝas la unua problemo al la leganto, se li dediĉas sin al la studo de svisa literaturo: ĉu ni entute povas paroli pri specifa svisa literaturo? Ĉu la alemana, velŝa kaj tiĉina literaturoj ne estas nur speciala regiona branĉo de la germana, franca kaj itala literaturoj? Ĉu la svisaj verkoj havas komunajn karakterizilojn, kiuj distingas ilin de la supre nomitaj literaturoj? Se la leganto, post tralego de la verko, demetas la libron kaj kolektas siajn pensojn, li nepre respondos j s tiun demandon. Jes, ekzistas aparta svisa literaturo, bone distingebla kolornuanco en la bunta kalejdoskopo de la mondliteraturo. Kiuj estas do la karakteriziloj de tiu ĉi aparta svisa literaturo? La respondon plej bone mi ĉerpas el la klarstila kaj klarpensa Generala Enkonduko de la redaktinto Arthur Baur: »La ĉefa literatura tendenco de la svisoj estas la realismo kaj la ĉefa literatura speco estas la proza eposo. La arto konforma al la svisa animo estas realisma kaj la intereso por la historio kaj la fakto, ke la literaturo kreskis el verkado por praktikaj celoj, nepre kondukas al la proza eposo. Ĉiuj klasikaj svisaj verkistoj estas rakontistoj, kaj en la eposa speco la svisa literaturo, precipe la alemana, posedas verkojn, kiuj ne nur egalas, sed superas la eposajn verkojn de la samlingva najbara popolo.« Jes, ĉiu leganto povas rekoni la ĝuston de la supra karakterizado. Sed estas ankoraŭ unu plua impreso, kiu dum lego ĉiam pli kaj pli fortiĝas: jes, proza eposo estas la ĉefkampo de la svisa literaturo, sed tiu ĉi eposo havas nenian emon al malrapida, disfalema kaj disfluema ampleksemo, kontraŭe: ĝi estas fortmane kuntenita kaj dramece scenigita. Vere, la svisaj verkistoj kaŝis siajn dramojn en siajn eposajn verkojn!

La libro kompreneble dividiĝas je kvar partoj, ĉiu el ili havas sian apartan enkondukan studon. Tiujn de la alemana kaj romanĉa partoj (krom la Generala Enkonduko) verkis Arthur Baur, tiun de la velŝa Henri B'aser, kaj tiu de la tiĉina estis tradukita el verko de Giuseppe Zoppi. El la 540 paĝoj de la libro la alemana parto ampleksas preskaŭ 350 paĝojn, la velŝa 110, la tiĉina 50 kaj la romanĉa 30 paĝojn.

Kaj nun, karaj legantoj, mi volus al vi iom rakonti pri la enhavo de tiu ĉi eksterordinara libro. Sed mi vere estas en embaraso, el tiom da riĉo elekti por konigo? Mi preferus kolekti vin ĉiujn ĉirkaŭ min kaj mi laŭtlegus al vi la tutan libron kaj dume ni priparolus la apartajn belaĵojn de la noveloj kaj versoj. Sed ĉar tio ne estas ebla, mi klopodos nun alvoki vian atenton pri la plej elstaraj pecoj. Kaj ne miru, se anstataŭ kritiko kaj analizado ofte vi trovos citaĵojn: ĉu la belon ne estas plej simple aliri per la belo mem?

La alemana parto komenciĝas kun parto el la »Helveta Kroniko« de Tschudi, ampleksanta la historion de Tell. Legante tiun ĉi rakonton verkitan en simpla, sed heroa stilo, oni nur povas pravigi la juĝon de Schiller, kiu utiligis la kronikon de Tschudi por sia dramo »Wilhelm Tell«: »Tiu verkisto havas tiel sinceran Herodotan, preskaŭ Homeran stilon, ke li kapablas doni al oni poetan impulson.« La intereson vekas la partoj de la aŭtobiografioj de Thomas

kaj Felix Platter (16-a jarcento). Thomas rakontas sian aŭdacan agon, kiam li utiligas hejtile ikonon el preĝejo, kiam tiu ago — dum la vigilio de la reformacio — okaze de malkovro kostus al li la vivon. Kun vera ĝuo oni legas la rakonton de Felix pri la humora historio de sia doktoriĝo. Ĉarmaj estas la du idilioj de Salomono Gessner kaj nun ni vidu, kiel rigardas Ulrich Braker, vivinta en la dekoka jarcento la prusojn, kiujn li havis okazon ekkoni, ĉar li estis varbito en la prusa armeo ĉe la sepjara milito de Frederiko II. »Preskaŭ ĉiusemajne ni aŭdis novajn maltrankviligajn rakontojn pri rekaptitaj dizertuloj, kiuj, malgraŭ ĉiu ruzo, alivestis sin kiel ŝipistoj aŭ aliaj metiistoj aŭ eĉ kiel virinoj, kaŝitaj en bareloj aŭ kestoj, ktp. kaj tamen estis surprizitaj. Jen ni devis rigardi, kiel okfoje oni pelis ilin, supren kaj malsupren, tra longaj vicoj de vipantoj, ĝis kiam ili senspire renversiĝis — kaj la morgaŭan tagon devis suferi la samon; kiel oni forŝiris la vestojn de iliaj hakitaj dorsoj kaj denove vipadis, ĝis kiam pecoj el koaglinta sango pendis sur iliaj pantalonoj. Tiam Scharer kaj mi, tremegante kaj mortpale, rigardis unu la alian kaj flustris en la orelojn: »La malbenitaj barbaroj!« Kio krome okazis sur la ekzercejo, tio devigis nin al similaj meditoj. Ankaŭ ĉi tie la blasfemado kaj turmentado de batemegaj junkretoj, kaj aliflanke la lamentado de la bategatoj neniam ĉesis. Ni nun ja ĉiam estis inter la unuaj sur la placo kaj brave nin movis. Sed ne malpli ni suferis en la animo, vidante, ke aliaj pro ĉiu bagatelo estas senkore traktataj, kaj ni mem konstante turmentataj. Ofte plenajn kvin horojn ni devis staradi en nia uniformo, premligitaj kaj ŝraŭbitaj, zigzage kaj rekte marŝadi kaj senĉese efektivigi fulmorapidajn manipulojn; kaj ĉion ĉi laŭ la ordono de oficiro, kiu staris antaŭ ni kun furioza vizaĝo kaj suprenlevita bastono kaj minacis bategi ĉiumomente kvazaŭ inter brasikkapoj. Pro tia traktado eĉ la plej fortnerva homo devis fariĝi lacega, kaj furioziĝi la plej pacienca. Kaj kiam ni mortlace revenis en la kazernon, ree komenciĝis la vipado: pretigi la tolaĵon kaj forigi ĉiun makuleton. Ĉar krom la blua kitelo nia tuta uniformo estis blanka. Pafilo, kartoĉujo, ledaĵo, ĉiu butono devis esti brile purigitaj. Se montriĝis sur iu objekto la plej eta malpuraĵo, aŭ se iu haro en la frizaĵo ne tute taŭge staris, kiam oni revenis sur la placon, la unua saluto certe estis bruta bastonado. Eĉ dimanĉe ni ne estis liberaj, ĉar tiam ni devis fari la plej akran preĝejan paradon.« Tiun klasikan prezenton de la senmezura krueleco kaj stulteco de la prusa militarismo mi rekomendas en la atenton de ĉiuj, kiuj eble emas kredi la legendon, ke la hitlerismo estis ia okaza infekta malsano atakinta la cetere sanan organismon de la germana popolo kaj kiuj ne volas rimarki la profundan radikiĝon de la prusa militarismo en la popolo mem. — Post tiu malluma bildo kiel refreŝigo efikis la ĉarma vilaĝa idilio de Jeremias Gotthelf: Kiel Joĉjo serĉas edzinon. La glata fabeloplekto kaj nerezistebla humuro ravas la leganton. Ekscite interesa estas ĉapitro el la libro »La Kulturo de la Renesanco« de Jakob Burckhardt: La eltrovo de la mondo kaj de la homo. Temas pri tio, kiel malfermiĝas la okuloj por ekvidi la belaĵojn de la naturo.

Kaj nun ni alvenas al tri grandaj nomoj: Gottfried Keller, Conrad Ferdinand Meyer, Carl Spitteler: en iliaj verkoj kulminas la proza parto de la antologio. De Keller ni trovas du pecojn: »La forĝisto de sia feliĉo«, en kiu ni admiras la mildan ironion kaj humuron de la aŭtoro, kiu rakontas al ni, kiel el vanta dandulo fariĝas homo laborema kaj laborama; »Virgino kaj monaĥino« temas pri malnova legendo prilaborita en originala kaj moderna koncepto de la aŭtoro. De Meyer ni trovas unu el la plej majstraj noveloj de la mondliteraturo: »Plaŭto en la monaĥina klaŭstro«. Temas pri la malkovro de la komedioj de la klasika latina aŭtoro Plautus en iu obskura monaĥinejo kaj ilian forŝtelon inter tre komikaj cirkonstancoj, en kiuj la ruza abatino estas superruzita, la vualo de falsa miraklo deŝirita, kaj floranta knabino, kiu jam preskaŭ iĝis monaĥino, redonita al sia amato.

Xaver Z'Gilgen, la heroo de la novelo de Spitteler, estis mizera boatisto en Brunnen apud Schwyz. En sia trideka jaro li ekkonis kaj edziniĝis »Espero«-n, ege malriĉan, sed bonkoran kaj bonhumoran knabinon el Tiĉino. Kaj tiam komenciĝis la kalvario de Xaver Z'Gilgen, ĉar liaj samlandanoj ne pardonis al li, ke li edziniĝis »fremdulinon« kaj eĉ iun el la transmonta servutlando, dum li povus elekti inter la plensangaj knabinoj de Schwyz. Ofendo al la sinjora, federita kantono! Nu, post feliĉaj jaroj de geedzeco, Espero iun vesperon, ŝi sola hejmenvenis, estis haltigita de »gajaj noktpetoluloj« el Zug, kaj, ĉar ŝi kontraŭstaris, ŝi estis mortigita — »pro petolemo kaj amuzo«, kiel diras la juĝistaj doku-

mentoj. »De tiu tago Xaver vivadis malkristane. Komence li pruvis sian fieraĉon tiel, ke li multe bruis pri la mortigo, kvankam tiu ĉi estis amuze farita nur de ebriaj noktpetoluloj al allogita transmonta knabino. Spite al ĉiuj prudentaj admonoj, li eĉ tedis la sinjorajn moŝtojn kaj la korporacion per la konstantaj postuloj, ke ni pro tiu bagatelo oficiale procesu kontraŭ la kara, kunfederita, amike najbara kaj katolika kantono Zug, aŭ eventuale ekmilitu kontraŭ ĝi. En la korporacio oni diversfoje en tiu ĉi afero moke kaj honte balotis kontraŭ li; tiel li subite izolis sin de la homoj, ne zorgis pri sia laboro kaj sia vestaĵo, ne plu iris al la sakramentoj, kaj al la kapelano, kiu tion riproĉis al li, li respondis, ke Dio montru al li miraklon kaj revivigu l'an karan Espero-n kaj poste li laŭdos lian bonecon kaj ĉiopovon.« La vidvo ĉiam pli apartiĝis de sia ĉirkaŭaĵo kaj sin dediĉis sole al la eduko kaj prizorgo de sia knabineto, kiun li »idoladoris« kaj tute ne batis kaj vergis, kiel estis kutime fari pri la aliaj infanoj de Schwyz. Sed la sorto senigis la vidvon de sia amata infano. Tiam la malesperiĝinta patro, komencis ekspres eligi abomenajn herezaĵojn, kvazaŭ la mondo ne estus kreita en boneco de la kara Dio, sed en kruela malico de la diablo, por ke li povu amuziĝi pri la suferoj kaj torturoj de la senkulpaj homoj kaj bestoj.« »... kaj eĉ survoje al la ekzekutejo li ne reprenis sian malpentemon, ne postulis la Sanctam Absolutionem, sed daŭrigis akuzi per teruraj paroloj la sanktan Triunuon kaj Providencon kaj mondordon, eĉ sub la perfortaj ekprenoj de la ekzekutisto li neniel malkonfesis sian abomenan herezaĵon, sed kriege persistis, spite al la sankta evangelio, ke la tuta mondkreado estas elpensita kaj efektivigita de la diablo pro nura malico.« Jen la enhavo de tiu ĉi giganta dokumento, kiu potence protestas kontraŭ la intergenta malamo kaj mensa malvasteco kaj pledas por la egala rangeco de la gentoj kaj por la libereco de la homa konscienco. Jen novelo, kiu devus okupi eminentan placon en ĉiu Esp-a legolibro kaj supera lernolibro, kiu ankaŭ enhave volas servi la aferon de la homa progreso!

Inter la altaj montoj la homoj vivas pli elmetitaj al la krudoj kaj danĝeroj de la naturo. Ni trovas tri tre belajn, dramecajn pecojn, kiuj pentras tiun eternan lukton inter la homo kaj la naturo: Jakob Cristoph Heer: La rokfalo de Elm, Ernst Zahn: Uli, Gustav Renker: La lavango. — Por la literaturamantoj mi mencias ankoraŭ du frandaĵojn: la rakonton de Robert Faesi pri la renkonto de Klopstock kaj Bodmer en Zürich kaj la misteran rakonton de John Knittel Z. pri La Hinda Saĝulo.

La poezia parto de la *alemana* literaturo — laŭ mia opinio — rimarkeble postrestas al la prozo. Tamen ankaŭ en ĝi oni trovas belajn pecojn, jen mi prezentas tri el ili, en la traduko de Hilda Dresen:

*Gottfried Keller: Almozulo*

La vin' bonegis en ĉi tiu jar':
Jen ŝancel-iris for la almozul',
La vangoj rozis pro ardanta brul',
Arĝentobrile flirtis la harar'.

Bruegis bakanale infanar',
Kurante ĉirkaŭ li kun kor-plezur',
Paŝadis en la mez' la beatul',
Spegulis lin nun ĉies okul-par'.

Dum ĉiu infanet' en lito sia
Sin dolĉe lulis en la sonĝo-sfer',
Arbarojn arĝentumis spir' glacia.

Pro nokta prujno helis tuta ter':
Frostmortis en arbusto li ebria,
Vekiĝis de l'ebri' nur en ĉiel'.

*Conrad Ferdinand Meyer: La Roma fontano*

Leviĝe falas akvostri'
al la marmora pelva fund',
en duan rondan pelvon ĝi
la dua nun, tuj post ekplen',
surŝutas trian sen mezur',
samtempa don', samtempa pren',
ripoz' kaj kur'...

*Max Geilinger: Aŭtuno ĉe la Geneva Lago*

Deklivoj montaj jen flugilsimile
Al la plej blua lago svingas sin;
Riĉon aŭtunan respegulas brile
Kune kun fora neĝ' la laga sin'.

Sopiro milda kaj malam' tesura
Mutiĝas pro ĉi grandioz':
Blankanta belo super lag' lazura,
Al kiu treme sin ekklinas roz'.

La proza parto de la velŝa literaturo amplekas la velŝajn verkistojn de la mondfame konataj Jean-Jacques kaj Madame de Stael ĝis la same mondfamaj Robert de Traz kaj C. F. Ramuz. Preskaŭ ĉiuj pecoj staras sur la sama alta nivelo, kiel la alemana prozo. Mi alvokas vian atenton pri la brilhumore verkita kontrabandista historio de Rodolphe Toepffer, pri la skribajoj de Philippe Monnier »Fraŭlino« kaj la ĉarme humora »Opinio de Griolet pri la knabinoj«, pri la interesa ĉapitro el la romano de Benjamin Vallotton »La familio Profit«, pri la kazerna historio de Robert de Traz, pri la fantazia rakonto de Noelle Roger kaj pri la konsterne impresaj paĝoj de Ramuz pri la peza vivo de la vitkulturistoj. Jen kiel parolas la patro de la vitkulturisto al la filo, kiu jam emas fuĝi kaj serĉi alian okupon en la urbo: »Oni ne povas diri, ke tio ne estas pena, kaj oni ne povas diri, ke tio ne estas teda, kiel vi diras, kaj naŭza por vidi, mi scias tion bone, kiel vi, sed ni same bone scias, ke la tero ĉie estas malalta. Eĉ, ke ĝi estas pli alta, ol aliloke, ĉar ĉi tie ĝi supreniĝas renkonte al vi kaj aliloke ne. Iru tra la mondo por vidi, kiel ĉio tie okazas, se vi volas, vi bone vidos, ke ĉie estas la sama afero. Ni estas starigitaj sur du piedojn, des pli malbone por ni, se ni devas klini nin, neniu povas ŝanĝi ion pri tio. Atendante, provu nur helpi al ni, ke la vitoj prosperu pli bone; oni bezonas vin, ĉar ili ne prosperas bone. Oni ne konis tiujn sulfatadojn siatempe, estas tio, kio vin tedas kaj ĝi efektive estas teda, sed, Dio scias? ni tamen provu, ni iru! Estas necese esti obstina! Estas necese esti ankoraŭ pli obstina, ol la malsano! Iru tamen, mia filo, faru vian ŝancon, kuraĝe! plenigu vian finon; mi diras al vi: Iru! kraĉu verde, tusu verde, nazpurigu verde, iru! mi diras al vi, tio ne gravas, ĉu ne, tio ne gravas fine? la ĉefaĵo nur estas, ke ni estu la pli fortaj, jen ĉio, kaj ĉar estas ankoraŭ eble bone, vi vidos; — kaj tiam ni povos diri al ni: »Altestimon por ni!« Ni estos la pli fortaj, ni estos eltenintoj ĝis la fino, ni estos venkintaj la vitan malsanon. Malpura metio, vi diras: malpura metio, kiel vi volas, sed tio, kio estas bela en ĝi, estas la kvazaŭ konstanta batalo, sen scii, kiu venkos, kaj ĉu estas ni, kiuj devos perei, aŭ la aĵo, kontraŭ kiu oni batalas; sed oni tamen iras kaj oni iras, oni iras tamen rekte antaŭen...«

El la poezia parto de la *velŝa* literaturo ni represu ĉi tie la jenan poemon de Jules Cougnard (traduko de Mad Mevo):

*La Betulo*

Pereas via montrezor',
Betul', kiel dum ludo perda:
Jen oro sur tapiŝo verda,
Folioj viaj falas for.

En aroganta memfier',
Senzorge, kun indiferento,
Vi vidas ilin — cent' post cento —
Tapiŝe kuŝi sur la ter'.

Ve, par', neparo, pas' kaj manko,
Vi iĝos nuda balail'!
Kompat' nenia, nek ĝentil':
La Vintro estas kruda banko.

Neforgeseble postsonas en la memoro la soneto de Henry Warnéry, jen ĝiaj tercinoj (tradukis Marcel Jaccard):

Senbrida dezirego al malproksima stelo,
Avid' nesatigebla je nekonata foro!...
Sed kie rekompenco pro tiu ĉi fervoro?...

Ne gravas ja: mi kuru al netrafebla celo!
Stimulu nin la riskoj, meriton produktante!
Venkate morti pli indas ol vivi neluktante.

Klasika belo trankvilas en la fina strofo de »Vespero en vilaĝo« de Alice de Chambrier (trad. Mad Mevo):

Kuŝantaj en la stalo, la bovoj pac-serenaj
Remaĉas en kvieto, sen movo kaj sen ard'
Dum la okuloj rondaj kaj milde revo-plenaj
Briletas en la ombro kaj vagas sen rigard'.

En la proza parto de la *tiĉina* literaturo ni legas detalon el romano de Giovanni Anastazi, temantan pri vipura mordo kaj verkitan kun eksterordinara tragika forto, rakonton de Francesco Chiesa el sia knabaĝo kaj paŝtistan legendon de Giuseppe Zoppi.

Ĉe la poemoj de la tiĉina parto frapis min unue en la poezia parto de la antologio la alpa aero de la granda poezio. Tri poetoj estas prezentataj: Francesco Chiesa, Giuseppe Zoppi, Valerio Abbondio, ĉiujn tradukis K. Kalocsay. Mi ne povas kontraŭstari al la tento de abunda citado, jen fino de la poemo »Psalmo« de Francesco Chiesa:

Estas benata, Sinjor', via vintro, venanta de l' krutaj
montoj, por ŝiri la lastajn flavajn foliojn de l' bosko;
por ke ripozu en la mort' jam la ajoj morta kaj povu
tristo nenia malhelpi naskon de ajoj pli novaj.
Estas benata la voj' tra dezertoj kaj rokoj. Migranto
tiel kun plia rapido venas al sia vojcelo.
Estas benata l' malsat', bongustiga por pano malmola.
Estas benataj la larmoj, estas benata l' malsano,
tiel dolĉa je l' tag' de saniĝo; benata la paco,
kiun reamas la homoj, kiam finiĝas milito.
Estas benata la mort', kiu lasas libera el pli junaj
kaj pli valoraj venantoj vojon malglatan de l'mondo.

Ĉi tiuj versoj, pruvantaj la kulminantan tradukforton de Kalocsay, enhavas interesan novigon, nome la cezuro de la pentametro ne estas vira, sed ina. Al tiu interesa eksperimento certe kuraĝigis Kalocsayn la fakto, ke viraj cezuroj (kiel viraj rimoj) ne konformas al la strukturo de nia lingvo, kaj ke ankaŭ la italaj pentometroj estas malregu'aj. Al la modernaj kaj molaj versoj de Chiesa bone trafas tiu novigo, sed mi ne kredas, ke oni devus ĝin generaligi.

Eble neniam mi sentis tiel la sentempecon, la eternecon de l' momento, kiel dum lego de la jena poemo de Giuseppe Zoppi:

*Mevoj*

Halti, lacega, meze de la ponto
de l' fremda urb', demandi per okuloj
al la river', transsalti al la krio
kaj raspa flugo de la blankaj mevoj.
Ĝoj' de flugiloj inter domoj pezaj!
Miro de ondoj, mir' de horizontoj.
Susur' de spacoj kaj trapas' de ventoj.
Descendis teren la ĉiel' vortice.

Fine brilanta gemo de Valerio Abbondio:

*Magnolia arbo*

Dum ĉirkaŭ vi la plantoj en florado
brilegis kiel nuboj de la ĝojo,
el malhelverda dorm' vi ne vekiĝis.
Sed se l' unua ard' bruligas rozojn,
malfermas vi en brila kaj dens-ombra
foliar' burĝonojn blankajn kaj solecajn,
kaj igas pensi pri parfuma nokto,
kiu de dolĉaj grandaj steloj pulsas.

En la romanĉa parto ni trovas la »poemon« de G. C. Muoth: La tribunalo de Valendau. Ĝi temas pri tio, ke barono Gieri perfidis la aferon de la popolligo, la popoltribunalo kondamnis lin je morto, sed antaŭ la ekzekuto lia ruza servisto en lia nomo gastigas la juĝistojn kaj la popolon, manĝigas kaj trinkigas ilin kaj per tio akiras indulgon por la barono kaj la perfidinta barono kaj la pardonanta popolo kune festas la *retrovon* de la unueco. Nu, mi miras, ke tiel stultan kaj frivolan historion oni trovis tradukinda kaj presinda.

Brila peco estas la »Sledado« de Eduard Bezzola. Tiu ĉi gajritma, ĉarma pripentro de granda, komuna sledveturado apartenas al la plej lumaj paĝoj de la libro, jen strofo:

Post dancado tra l' salono
La sledantoj reveturas,
El gajec' ne svenas ono.
Kapo de Ĝonet' murmuras,
Diras li en stat' malklara:
»Estu mia, Neisa kara!«
Ŝi respondas nur: »Sensenco!
Pri l' vinkaŭza nupt-intenco
Vi morgaŭ ree pentos.«

*

La tradukarto similas al la virto de bela virino: ju pli malmulte oni parolas pri ĝi, des pli ĝi estas pli firma. Nu, ankaŭ mi nemulte parolos pri la traduko, la abundaj citoj ja sufiĉe atestas pri ĝia boneco. Mi mencias nur, kiel surpriza estas la egala, konforma nivelo kaj stilo de la prozaj tradukoj, kvazaŭ unu tradukisto estus tradukinta ĉiujn prozajojn!

Sed ĝis nun mi ĉiam nur laŭdis, eĉ laŭdegis, la legantoj rajte postulus, ke la kritiko enhavu ankaŭ ian riproĉon. Jes, ankaŭ mi volas fari riproĉon, tamen mi estas en embaraso, ĉar mi ne scias, al kiu mi ĝin adresu: ĉu al la svisa literaturo, aŭ al la redaktinto de la antologio. Nome, preskaŭ la tuta antologio tiel prezentas la svisan vivon, kvazaŭ en ĝi ne ekzistus sociaj klasoj; unuopaj individuoj staras unu kontraŭ la alia, aŭ kontraŭ la naturo, preskaŭ nenie vidiĝas la ĉefrisortoj, kiuj movas la homan socion. Nur en la verko de Jakob Bosshart: *La domo de cent animoj* malkovriĝas, ke la svisa socio ne diferencas en tio de aliaj homaj komunecoj. Unu malespera ekkrio de unu el la rolantoj de la romano longe postsonoris en mi: »Iam tamen unu homido devas fariĝi feliĉa.« Jes ja, ĝuste ni estas laborantaj pri la konstruo de tia mondo, en kiu ĉiuj homidoj iĝos feliĉaj! *L. Tárkony*

# LINGVO

## Pri la titolo de la „Strato de Fiŝanta Kato"

Tiu titolo, laŭ mia opinio, estas tute malĝusta: tiu »fiŝanta« estas »fuŝanta«, pli ĝuste: »fuŝita«. Kion do signifas la vorto »fiŝanta«? Ĉu »fiŝkaptanta« aŭ »fiŝmanĝanta«, aŭ eble ĝia senco estas: kapti fŝiŝon, poste ĝin kuiri (rosti aŭ friti, laŭ la gusto), kaj fine manĝi? La eldoninto komparas tiun vorton al »ĉasi«. Sed kion signifas »ĉasi« — verbo! Laŭ la Plena Vortaro: »persekuti bestojn por ilin kapti aŭ mortigi«; kaj *fiŝo:* »vertebra besto kun brankoj kaj naĝiloj, vivanta en akvo«. Ĉu do ĉiun substantivon oni povas ŝanĝi je verbo? Ĉu havas ian logikan sencon la verbo »tabli«? Certe ne, sed »altabliĝi« — jes! Analogie al »fiŝi« oni povus uzi »cervi« kaj ree, kion signifus tiu vorto: manĝi, persekuti, ĉasi, rajdi ktp. cervon, aŭ veturi per cervo, aŭ fine esti rapida kiel cervo? Tiamaniere formante la vortojn ni enkondukas en Esperanton multajn absurdajn esprimojn, kio nepre estas evitinda. Kaj fine la lasta rimarko: la eldoninto opinias, ke »fiŝkaptanta« estas tro longa vorto. Nu, oni mallongigu ĝin ĝis »fianta«, kaj ĉio estos en ordo!

Ni zorgu, ke Esperanto restu vere logika kaj viva lingvo, ne ia gimnastikaĵo por la cerboj!

*I. Dratwer*

Unuavide s-ro Dratwer ŝajnas prava, ĉar efektive ĉe »fiŝi« ne validas la plej kutimaj sencoj de la senpere verbigitaj substantivoj: *agi kiel* ... (reĝi, agenti) kaj *agi per*... (marteli, spici, brosi). Tamen, mi ne estus tiel severa kontraŭ »fiŝi« el du kaŭzoj:

1. En Esperanto, malofte, la senpere verbigitaj substantivoj havas ankaŭ tute elastan sencon, ne klarigeblajn per la du supraj reguloj. Ekz-e: *formi, silabi, nesti, flami, ondi, fumi, sangi ktp.* Tie ĉi la radika senco nur iel karakterizas la esprimitan agon, sed estus malfacile tion esprimi per difinita regulo. La uzo de »fiŝi« do gramatike ne estas nepre malĝusta. En tiaj okazoj la sencon fiksas konvencio. *Nesti* ekz-e ne signifas fari neston, sed loĝi en nesto. *Sangi* ne signifas eligi sangon el iu, sed ellasi sangon el si mem. Do ankaŭ fiŝi povas signifi: kapti fiŝojn: tiu senco estas ja la plej proksima.

2. En la devenlingvoj de Esperanto, en la germanaj kaj latinidaj lingvoj, *fiŝi* same estas senpere derivita el *fiŝo*. Jen: germana *fischen* el *Fisch*, angla *to fish* el *fish*, itala *pescare* el *pesce*, latina *piscari* el *piscis*. La hungara *halasz*-ni devenas el *halasz* (fiŝisto), do laŭvorte ĝi estas »fiŝisti«. Se tiel multaj lingvoj, kaj ankaŭ tiuj, kiuj donis al Esperanto la radikon *fiŝ*, ne trovas absurda tiun formon, kaj tute nature komprenas la vorton laŭ la senco »fiŝkapti«, mi kredas, ke ankaŭ Esperanto povas uzi tiun mallongigon.

Resume: fiŝanta estas mallongigo ne tiom absurda, kia ĝin opinias sinjoro Dratwer. Kaj mi kredas, ke en tiuj aferoj oni devas ne esti tro rigora, ĉar male Esperanto estos eble lingvo »logika«, sed ne »viva«. (Tiuj du konceptoj ofte kontraŭdiras unu la alian.)

*(-y)*

## Gramatika simplismo

Interesa fenomeno tiu gramatika simplismo. Lastatempe oni pli kaj pli renkontas ĝiajn manifestiĝon.

Ĝi konsistas en tio, ke oni deklaras: la Esperanta gramatiko devas esti simpla: oni devas havi kiel eble malplej da reguloj kiel eble plej simplaj. Nu bone, tio ja estas ne malbona principo, kiun ĉiu povas plene konsenti. Sed la simplistoj ne obeas sian propran principon, ili ne konsideras la vortojn »kiel *eble*« kaj volas simpligi trans la *eblo*.

Nu, kiel tio estas ebla. Diversmaniere.

La unua eblaĵo estas: prisilenti regulon, se tiu estus iom pli komplikita. Ekzemple: estas vere, ke sen la gramatika karaktero de la radikoj Esperanto estus tute alia ol ĝi efektive estas (ekz-e oni devus diri: martelilo, brosilo, agentisto, nobelulo, hejmejo, gigantulo ktp.) — tamen, oni ne deklaru la regulon, ĉar tio estus malsimpligo. Prefere la lernanto eraru, ĝis li lernos per longa studo kaj praktiko aferon, kiun oni povus al li klarigi dum kvaronhoro.

La dua eblaĵo estas: fari regulon pli simplan ol la valida. Ekz-e: »kunmetaĵo estas mallonigo de esprimo«. La lernanto fine ja lernos el praktiko, kiajn esprimojn li povas tiel mallongigi, kaj kiajn ne. Detala regularo ja ŝparus al li tempon, sed ĝi — aspektus komplikita.

Estas interese, ke kelkfoje oni forjetas regulon simple pro tio, ke ĝi estas regulo. Sed, ĉar oni staras antaŭ ne fornegebla fakto, oni tamen faras regulon alian. Tiu regulo eĉ ne estas malpli simpla (krom ke ĝi estas erara), sed la aŭtoro tion ne rimarkas, ĉar temas pri lia propra infano.

Ekzemple, en la gramatiko de Seppik oni legas »tamen kelkaj prepozicioj, nome *ans'ataŭ, krom, por*, antaŭ (kune kun *ol*), kaj ankaŭ kun infinitivo.« Je tio la lernanto demandas: kial? ĉu arbitra uzo? (ĉu ebla en nia lingvo?) aŭ — ŝtata dekreto? Ne, simple ĉar ili, »antaŭ infinitivo, *funkcias kiel konjunkcioj*, kaj en tiu okazo la uzado de substantivo apud ili estas ne ebla.«

Kaj en la enkonduko de tiu riproĉo la kritikanto mallaŭdas la »malaprobindajn sistemojn de tiuj gramatikistoj, kiuj elmetas regulojn kiel ŝtatajn dekretojn, kiujn ni ne rajtas diskuti aŭ kompreni per rezonado«. (Eble tiu bato estas direktita kontraŭ la Plena Gramatiko — cetere tute malprave, ĉar la multfoje konsterne menciatan amplekson tiu verko havas ĝuste pro la vastaj rezonadoj kaj motivadoj, sen kiuj ĝi apenaŭ estus duone tiom dika.)

Nun ni vidu tiun rezonadon de la kritikanto, tiun puran rezonadon, kiu ne estas »ŝtata dekreto«.

Nu, oni povas demandi: kial tiuj prepozicioj povas funkcii kiel konjunkcioj antaŭ infinitivo, dum

# OBSERVO

*LA VIVKAPABLO DE ESPERANTO*

Kun kolero kaj malgajeco ni devis observi dum la ventegaj jaroj antaŭ la milito, kiel la Esperanta-movado estis limigata al pli kaj pli malmultaj landoj. Pli kaj pli da voĉoj silentiĝis, kaj Esperanto perdis unu el siaj karakterizaj trajtoj: la universalecon. Ĝi fariĝis kvazaŭ dialekto, kiun oni nur en parto de la mondo ankoraŭ komprenis. La milito poste preskaŭ tute estingis la lumon de nia lingvo, nia verda popolo estis disigata kaj la unuopaj personoj kaj grupoj sentis sin kiel ŝiparo, kies radiotelegrafa aparato difektiĝis. Restis al ili nenio ol la espero. La batoj de tiu milito estis tiel teruraj, ke neniu povis scii ĉu ĝi ne ankaŭ Esperanton trafos tiel forte, ke nia lingvo ne plu povos restariĝi.

Kion nun pruvis la postmilita tempo? Ĝojigan certigon, ke la esperantoj pravis, ke Esperanto montriĝis pli forta ol la kirasita mano de Marso. Ja la Esperantistoj devis multe suferi, ni eĉ ankoraŭ ne scias, kiom da ili pereis, kaj estos nia sankta devo kolekti la nomojn de tiuj, kiuj ne postvivis, kaj honorigi ilin. Sed jam ni scias, ke la lumo de Esperanto nur malheliĝis, kaj ne estingiĝis. La fajrejoj restis sub la frakasajoj de la milito, kaj jam ili denove ekbrulas.

El ĉiuj landoj venas la entuziasmigaj informoj pri la reekvivo de nia movado. Ĉie la grupoj, kiuj dum la milito neniel aŭ nur kaŝe povis ekzisti, reformiĝas, kursoj ree malfermiĝas, kaj ligiloj inter la diverslandaj Esperantistoj replektiĝas. Leteroj flugas trans la landlimoj, vizitoj okazas, kaj la venonta somero vidos nian unuan grandan Esperantistan renkontiĝon en la universala kongreso de Bern. La ĉiuloka aktiveco speguliĝas ankaŭ en ekfloranta Esperanta gazetaro. Impona nombro da gazetoj jam denove aperas. Multaj estas presitaj sur malbona papero, kiu malkaŝas la mizeron, kiu ankoraŭ ekzistas en la praktika vivo de multaj landoj. Sed ĉie regas vigla spirito, la firma intenco rekonstrui kaj plikonstrui.

Unu el la plej ĝojigaj sciigoj alvenis en la lasta aŭtuno, kiam ni eksciis, ke nia plej granda eldonejo »Literatura Mondo« kiel fenikso intencas leviĝi el la cindro, direktata de la simpatia frato de nia meritplena amiko Vilmos Bleier. En januaro 1945, kiam alvenis la korŝiraj novajoj pri la sieĝo kaj detruo de Budapest, mi verkis artikolon por svisa gazeto, al kiu mi donis la titolon »Adiaŭo al Budapest«. De tiam pasis du jaroj, kaj jam konvinkas nin aliaj novajoj el Budapest, ke tiu urbo tamen vivas, ke ĝiaj enloĝantoj ne lasis sin senkuraĝigi kaj denove eklaboras. Mi supozas almenaŭ, ke el la kuraĝo kaj diligenteco de niaj samideanoj en Budapest ni rajtas konkludi pri la ĝenerala stato de tiu urbo. Ofte mi pensis dum la milito kaj precipe dum la malfeliĉaj tagoj de Budapest pri la malcerta sorto de niaj samideanoj, pri kiuj ni tiel longe nenion aŭdis. Budapest kaj niaj tieaj amikoj signifis al la Esperantista mondo ion pli ol iu ajn alia urbo, ĝi estis verda metropolo, la ĉefurbo de nia literaturo. La ĝojiga fakto, ke niaj plej kompetentaj verkistoj postvivis la katastrofon, ke la eldonejo reaktiviĝis kaj ke nia literatura revuo denove aperas, pruvas al ni, ke Budapest ne volas perdi sian signifon, ke ĝi ne estas cedonta sian rolon en nia literaturo al alia loko en nia vasta Esperantolando. Ankaŭ tio estas unu el la plej signifaj elementoj, kiuj pruvas la vivkapablon de Esperanto.

*Arthur Baur*

---

aliaj (ekz-e *pro, kun, pri, de, al, malgraŭ* ktp.) ne povas havi tian funkcion? Kaj se oni diras: ĉi tiuj prepozicioj povas tiel funkcii, sed la ceteraj ne, ĉu tio ne estas »ŝtata dekreto«? Alia demando: kial tiuj prepozicioj povas funkcii konjukcie *nur* antaŭ infinitivo, kial ili ne povas ligi ankaŭ prepoziciojn: kial do »anstataŭ iri tien, mi enlitiĝis« estas bona, dum »anstataŭ mi iris tien, mi enlitiĝis« estas erara? Jen, kiel ni implikiĝis en malagrablajn demandojn, kiam ni forlasis la simplan regulon: kelkaj prepozicioj povas stari ankaŭ kun infinitivo.

Se oni konsideras, kion ni ĝis nun diris, oni povas facile respondi la demandon de la kritikanto: »Kiam niaj gvidantoj donos al ni ian regularon pri la lingvo? Ian oficialan gramatikon?«

La respondo estas: Neniam! Se la Akademio entreprenus tian taskon, tiun ĝi devus fari kolektive. Kaj tuj venus la simplistoj, kaj pruvus pri ĉiu regulo, ke ĝi estas superflua, ĉar memkomprenebla; aŭ danĝera, ĉar tro komplikita; aŭ hereza, ĉar ne-Zamenhofa; aŭ tro frua, ĉar eble oni iam faros pli bonan; aŭ arbitra, ĉar ĝi estas »ŝtata dekreto«. Pri sola afero oni ne diskutos, nome, ĉu la regulo estas vera aŭ ne. *Alex Kay*

---

*LA JURO. (B. Balázs.)* Ĉi tiu filmo estas epopeo, montranta al ni la titanajn luktojn de la sovjetpopoloj ekde la morto de Lenin, ekde la senmorta juro de Stalin ĉe la katafalko de lia granda antaŭulo ĝis niaj tagoj, ĝis la Kreml-a triumfo-festo en la tago de la venka fino de l' liberiga milito, ekde 1924 ĝis 1945. La unuan ĉapitron de la granda Stalina Epoko.

Historia epopeo de popolo estas tiu ĉi filmo, al kiu similan nek realo nek poezio vidis iam ĝis nun. Neniam tiom da heroa volo, da flamanta entuziasmo, tiom da barakto, lukto, batalo, ofero kaj triumfo. Neniam tiom da fortostreĉo, tiom da sango, tiom da larmo, tiom da nemezurebla sufero. Sed neniam ankoraŭ tia triumfa rekompenco! Ĉar la batalo de la sovjetpopolo servis la bonon de la tuta homaro, kaj la tutan homaron ĝi savis.

Kaj ĉi tiu giganta epopeo ludiĝas en la vivo de simpla provinca familio. En sorto de patrino speguliĝas tie ĉi la sorto de tuta popolo. Ĉar Varvara Petrovna, kaj ŝia edzo, kaj ŝiaj infanoj traluktas tie ĉi la mondhistorian bataladon de ilia popolo, kiam kon-

struante la landon kaj en ĝi ankaŭ la socian ordon de la nova homo, ili ankaŭ defendas tiujn kontraŭ la interna kaj ekstera malamiko.

Unu familio en la uragano de la mondhistorio. Ni vidas la plej intimajn sentojn, konsterniĝojn, ĝojojn kaj dolorojn kaj heroan sinoferon de simplaj homoj. Sed samtempe ni vidas, ke ĉe tiuj homoj nenia diferenco ekzistas inter individua kaj popola sorto, ĉar ili travivas la historion de sia nacio kiel siajn plej intime privatajn aferojn. Tial ilia familia dramo estas historia dramo.

Kaj tial povas en ĉi tiu filmpoemo unuiĝi la du plej ekstremaj esprim-eblajoj de la arto: la plej intima sento kaj la plej granda historia perspektivo, la plej delikata sentimento kaj la giganta monumentaleco. Jen la nova specialaĵo de la nova sovjetfilmo, kaj jen la specialaĵo de la nova sovjethomo. El nova realaĵo naskiĝis nova arto.

Reviviĝas antaŭ niaj okuloj la mondo-transformaj grandaj sociaj bataloj de la stalina epoko: la dezerto restinta post la civila milito, kaj la persista, peza, sinofera batalo por la konstruo de la sovjeta sistemo. La edzo de Varvara Petrovna falas en la batalo por la kolhozigo. Sia filino iĝas viktimo de la sabot-atencoj volantaj malhelpi la konstruon de la sovjeta industrio. En la batalo kontraŭ la fantomoj de la pasinto, kontraŭ trockismo kaj buharinismo fluas la sango de la proletoj. Sed per nemalhelpebla laboro konstruiĝas la socialismo, nereteneble.

Kiam fumas jam la kamenoj de la giganta industrio de l' kvinjaraj planoj, kaj floras la kolhozaj ĝardenoj — la akridaro de la faŝismo atakas la prepariĝantan teran paradizon, kaj en la terura batalo de vivo aŭ morto falas la restintaj du filoj de Varvara Petrovna. En la defendo de la infanoj de aliaj sin ĵetas la maljunulino kontraŭ la malamikojn en la fumanta strato de Stalingrado.

Tamen, Varvara Petrovna ne restas sola. La triumfa Ruĝa Armeo klinas siajn standardojn antaŭ la sovjeta patrino, kaj malfermiĝas antaŭ ŝi la pordegoj de Kreml, kie ŝin akceptas Stalin, ŝia gvidanto kaj heroo.

La heroino de ĉi tiu kortremiga epopeo estas unu patrino, sed kiu elkreskas je la simbolo de la tuta sovjetpopolo; kaj la heroo de la epopeo estas Stalin, la gvidanto de la popolo. Kiam ĉi tiu virino en la terura milito jam perdis sian edzon kaj ĉiujn siajn infanojn, tiam anstataŭ ŝia oferita familio iĝas ŝia familio la tuta popolo. En la brilanta triumfofesto de la Kreml, Varvara Petrovna staras antaŭ Stalin kvazaŭ fulmofrapita, foliojn perdiĝinta arbo, kaj tamen fiere, kun levita kapo: Ni venkis!

Ĉi tiu epopeo en historio de unu patrino montras al ni: *kiom kostis* tiu ĉi venko. Stalin respektege klinas sin antaŭ ŝi kaj kisas ŝian manon antaŭ la tuta popolo: »Ĉi tiun venkon ni dankas al vi, Varvara Petrovna.« La popolo kaj ĝia gvidanto, la heroino kaj heroo staras — kiel en la praaj epopeoj — vidalvide, nedisigeble.

---

*LITERATURO DRONANTA EN LA NENIO. (B. Pessis.)* La franca filozofo kaj pedagogo *Durkheim* skribis en la unuaj jaroj de la 20-a jarcento: »La klasika humanismo transvivis sin mem, sed ĝin anstataŭis nenia nova kredo. Ties sekvo estas skeptikismo, senreviĝo, danĝera animdoloro.«

La ideon de socialismo Durkheim evidente ne konsideris. Sed la plej bonaj malnovaj humanistoj, deturnante sin de la »klasika« (pli ĝustnome »burĝa«) humanismo, serĉis la vojon al »nova kredo« en la proksimiĝo al la popolo kaj al tiuj socialaj kaj moralaj idealoj, kiuj efektiviĝis en la Sovjetunio, en la lando, kie la popolo akiris por si la potencon.

Ĉiu ideologio, kiu en la lastaj jardekoj kontraŭstariĝis al ĉi tiu progresa movado, movas sin sur subira linio, havas antihumanisman karakteron. Antaŭ 50 jaroj, kiam la dekadenco ankoraŭ estis certagrade ribela, ĝi povis servi, laŭ Gorkij, kiel »skurĝo«, per kiu la historio batis la burĝan socion pro ties senhomeco, sed poste la dekadenco ŝanĝiĝis el skurĝo en florkronon, kaj alprenis karakteron de ŝirmilo.

*Mallarmé* povis ankoraŭ skribi: »En socio ne havanta ekvilibron, la artisto estas devigita sin apartigi, sed starante aparte li povas konstrui nur sian propran tombon. Tia artisto strikas kontraŭ la socio.« Kvindek jarojn poste *Paul Valéry* jam entuziasmis pri la manko de ekvilibro en la subiranta socio, kiel pri la plej bona fono por la artista ekzistado. Li skribis en 1930: »La individuo serĉas epokon agrablan, en kiu li ĝuas la maksimumon de libereco. Ĉi tiun epokon li trovas ĉe la komenco de l' fino de l' nuna sociala ordo. Tiam, inter la ordo kaj malordo, sekvas la momento de l' plezuro. La sistemo sin tenas ankoraŭ viva, sed ĝia futuro jam estas sekrete elĉerpita. La socia organismo senrimarke perdas siajn perspektivojn. Kaj tio estas la horo de la gajego kaj de la ĝenerala plezurado. La fino kutime estas plena de brilo kaj volupto.« Por la »iluminado« de la falonta konstruaĵo »oni nun foruzas ĉion, kion antaŭe oni domaĝis elspezi... Sorĉe brila fajro prilumas fantaste la dancon de la principoj kaj valoroj. Moroj, moralordonoj forflugas. Sekretoj kaj trezoroj ŝanĝiĝas en vaporon.«

Alivorte: la socio perdas sian historian rajton de ekzisto; la ideoj, kiuj ĝin ŝirmis, perdas sian konvinko-kapablon, sed restas la »iluminado«, tio estas la arto de la ornamado kaj vualado de l' kadukiĝinta socia konstruaĵo — arto, por kiu oni volonte »foruzas ĉion« — por plezuro de la artistoj de la dekadenco.

Ĉi tiu dekadenca apokalipso estis karakteriza por la »pactempoj« antaŭ kaj post la unua mondmilito. La danco de la principoj kaj valoroj tiam estis jam sufiĉe kapturna, por plezurigi la estetojn — sed la fajro ankoraŭ ne tute perdis sian senkulpe-sorĉbrilan karakteron. En la pacaj, t. n. konstruaj periodoj de la kapitalismo, la dekadenculoj ankoraŭ povis la

kapitalisman sistemon absolvi je la respondeco pri la sociala kaj spirita degenerado. Eĉ pli, ili, kiel *Valéry*, gloris ĉi tiun degeneradon, kiel kultur-akcelan. Ĉi tiu ŝirmanta-ekskuza tendenco iĝis des pli danĝera, ju pli malbonajn formojn la degenerado alprenis. Kaj kiam la duba artfajraĵo de la stabilizaj jaroj disfumiĝis, kaj la kreskanta inkubo de la Hitlera atakemo kaj de l' Münchena malnoblo iĝis sentebla en sia tuta abomeneco, oni devis meti en plena akro la demandon de la respondeco. Nu, tiam oni donis tiun respondon, kiun *Schlumberger* jene prezentis: »Tia ĝi do estas, via homaro.« Oni do kondamnis *la naturon de la homo, por pravigi la naturon de la kapitalisma sistemo.* Jam por la unuaj krimoj de la faŝismo devis pagi la okcidenta Eŭropo per la naskiĝo de la atakema antihumanismo.

La provizoraj milit-sukcesoj de Hitler, kiu, cetere, venkis ne nur per kruelo kaj trompo, sed ankaŭ per la helpo de la perfido de l' »ducent familioj«, estis uzataj de la antihumanistoj por disvastigi panikon. Ili gloris la »venkon« de sia »akra rigardo«, kaj vidis en la senbridaj ekscesoj de la faŝista kanajlo argumenton por la konfirmo de l' penso: »Tiel profunden do falis la homo!«

En la franca literaturo post 1940 klare esprimiĝas ĉi tiu tendenco. En artikolo titolita »La franca literaturo ekde 1940« la kritikisto *Jean-Marie Soutou* skribas: Antaŭ la milito ekzistis »literaturo, kiu klopodis glori la homon«. »Kiam ĉi tiu klopodo alportis senreviĝon ... la humanismo, almenaŭ de tempo al tempo, ŝanĝiĝis en antihumanismon.« Naskiĝis la tendenco »rigardi la homon zoologia objekto, besto inter bestoj«. »La statuo Homo estis depuŝita de sia piedestalo, kaj sendita, kun aliaj antaŭmilitaj statuoj, al fornejo por transfando.«

La verkistoj de ĉi tiu direkto — *Maurice Blanchot, Georges Bataille, Camuze* kaj aliaj — faris la »kruelan literaturon«, kies heroo, eĉ se li »la homon ne malamas, povus esti malamata«. La homo ĉe ili estas plejofte akompanata de »antihomaj epitetoj«. Ili havas apriorie la deziron, »rifuzi al ĉio, kio estas homa, ĉian metafizikan kaj estetikan privilegion«(?). La homan ekziston ili rigardas sensenca, absurda.

Ĉi tiuj verkistoj cetere ne meritus ian specialan atenton, se la sama tendenco ne havus reprezentanton en la persono de la populara franca verkisto *Jean-Paul Sartre*. Li estis konata jam antaŭ la milito per siaj mornaj romanoj, en kiuj esprimiĝas ia »abomeno antaŭ la senkondiĉeco de la ekzisto«. Liaj »psikologiaj labirintoj« memorigas per sia malpuro al kloakoj. Krom siaj beletraj verkoj *Sartre* okupiĝas ankaŭ per filozofio, kio donas al li en certaj rondoj specialan aŭtoritaton, ankoraŭ kreskantan post la filozofia verko: »La Esto kaj la Nenio«. La kritiko jam eĉ uzas la esprimon »la sistemo de *Sartre*«. En la literaturo ĉi tiu skolo sin nomas *ekzistismo (existentialisme)*, kio indikas pri ĝia interligo kun la antaŭfaŝisma germana ekzist-filozofio. La ĉefpenson de *Sartre* oni povas jene esprimi: la homa ekzisto kiel fenomeno estas absurda, ne pravigita, kondiĉita de nenio. Tial ĝi estas nedisigebla de sento de abomeno. Ĉi tiun penson *Sartre* klopodas disvolvi en siaj libroj: »La Muro« kaj »La Naŭzo«. Unu el la popularaj aforismoj de *Sartre* estas: »Mi ekzistas, la mondo ekzistas, kaj mi scias, ke la mondo ekzistas — jen ĉio. Sed ĝi estas al mi indiferenta.« Laŭ la opinio de unu kritikisto, la originaleco de *Sartre* konsistas en tio, ke ĉi tiun sensencecon, sennecesecon li atribuas ne sole al la homo, sed al la tuta ĉirkaŭmondo. »Ĉi tiuj trambenkoj aŭ arbradikoj estas en si kaj por si nekompreneblaj.« Ili elspiras la senton de naŭzo kaj sensenceco. »La arboj volas kaj povas nek ekzisti, nek ne ekzisti, kaj ankaŭ la homo estas io superflua en la mondo.«

Specialan abomenon ĉe la herooj de *Sartre* kaj ĉe li mem elvokas la ekzisto de la aliaj homoj. »La infero estas la aliaj« — jen la temo de lia teatraĵo: »Post ŝlosita pordo«.

La ŝatantoj de *Sartre* opinias, ke li sukcesis elmontri la »realaĵon de la Nenio« kaj ties avantaĝon kontraŭ la ekzisto. Antaŭ *Sartre* — diras unu el liaj komentantoj — oni volis pruvi, ke la homo estas unu kaj sama kun la pleno de la mondo, ke li estas ligita kun *ĝi*, kaj ne kun la Nenio. *Sartre*, kontraŭe, malkovris laŭdire la »pensantan kanon«, t. e. la homon. Por Sartre, diras tiu kritikisto, la homo estas »malplena estaĵo«, kiu »senĉese traglitas inter la fingroj, kaj diferencas de la aliaj kreaĵoj nur en tio, ke li tralasas la sukon kiel truita poto« (!).

Jam ĉe pretera konatiĝo kun tiu ĉi »teorio« de senvalorigo de la homo kaj de la homa solidareco, estas malfacile liberiĝi de la penso, ke la »sistemo de Sartre« eble estas la senkonscia reago de animo, kiu fiaskis antaŭ la teruraĵoj kaj monstraĵoj, kiujn la faŝismo portis en nian mondon.

*Sartre* mem, ŝajnas, ne estas maltrankviligita de la efiko, kiun lia »sistemo« povas disvolvi.

Dum la land-okupado *Sartre* verkis teatraĵon »La muŝoj«, kiu traktas la miton de Oresto. Oresto revenas hejmen kaj ekscias, ke lia patro Agamemnono estis murdita de Egisto, la nuna reganto, ke lia patrino mem partoprenis en la krimo, kaj ke lia fratino Elektra estas tenata de la patrino kaj de la duonpatro en mallibero.

La ĝenerala impreso de la teatraĵo estas: urbo kaj ŝtato estas ŝanĝitaj per la krimo en sanglagon. La bildo de la muŝoj, kiuj senĉese svarmas super tiu urbo, eĉ plifortigas tiun impreson. La potenco de la reĝo-krimulo konsistas en tio, ke en sian krimon li entrenas kun si la tutan popolon, kaj ĝin kutimigas al la sango. Tamen, ne la popolo lin faligas, sed ununura heroo, Oresto (stilizita ege laŭ la bildo de franca intelektulo). La venĝo donas al Oresto nenian ĝojon. Li estas ne heroo, sed viktimo de l' tasko surŝarĝita al li de la Fato.

La teatraĵo pritraktas okulvideble la temon de la faŝismo, kaj estas eĉ ne senedifa, precipe ĉar ĝi prezentas la potencon de Egisto kiel la furiozadon de krima des-

poteco. La verkisto *Sartre* do ne kompletigas la filozofon *Sartre* tiagrade, kiel liaj kritikistoj asertas. Tamen, ĉi tie temas ne tiom pri protesto kontraŭ la malbono, kiom pri la klopodo: montri la Malbonon en ties plena disvolviĝo, kaj la homon malforta kaj senhelpa. Se Aragon, priskribante la heroan vizaĝon de Francujo en la jaroj de la bataloj kontraŭ la germanoj, diras: »ĉi tiu batalo faris la ordinaran francon Herkulo«, *Sartre* prezentas la aferon alie. Li volas, ŝajne, pruvi, ke la homo ne kapablas iĝi Herkulo. Eĉ la heroa ago mem ne liberigas lin de la abomeno antaŭ la vivo...

Oni sciigas pri *Sartre*, ke lia »malespero« lin mem ne malhelpas esti la homo de agoj, eĉ de agoj utilaj al la sociala movado. Tio estas tre ebla. Multaj homoj plaĉas al si en tia pozo: agi sen kredo je venko, ja la vera venko de la homo kaj popolo, estas la signo de speciala speco de saĝo, de la t. n. »stoika pesimismo«. Ili sidas ĉiam ankoraŭ super la solvo de la problemo de »ago kaj kreo«. Reale, temas pri la problemo de kreo kaj mondpercepto. La ideoj, kiuj animas la francajn verkistojn, ne estas ia speco de instrukcio por ago, kiun oni povas flankenmeti, kiam oni verkas. Tiuj ideoj reprezentas certan moralon, certan mondpercepton, triumfan en nia epoko de la sukcesa popolbatalo por la digno kaj libero de la homo.

La ideoj, kiuj savis Francujon de la malfeliĉo, povas ankaŭ la francajn verkistojn savi de la premo de l' malnovaj tradicioj — de l' tradicioj de senageco kaj indiferenteco antaŭ la homa sorto. Tion devos kompreni ankaŭ la verkistoj el la tipo de l' ekzistencialistoj. Alie, ilia literaturo dronos en tiun nenion, al kiu ili sin sentas tiel altirataj.

La bruta bruna uragano, kiu trafuriozis la mondon, forrabis el nia rondo laŭ niaj ĝisnunaj informoj la sekvantajn dolorege bedaŭratajn samideanojn, niajn tre ŝatatajn kunlaborantojn:

*HENDRIK ADAMSON*

*LEO BELMONT*

*HELMI DRESEN*

*IZRAEL LEJZEROVICZ*

*J. ŜAPIRO*

*EDUARDO WIESENFELD*

*LIDJA ZAMENHOF*

Ilian memoron ame ni gardas en nia koro. En niaj sekvantaj numeroj pri ĉiu el ili ankaŭ aparte ni rememoros.

Ĉi tiu numero grandparte konsistas el la materialo kompostita, sed jam ne aperigebla lasta antaŭmilita numero. Per tio ni kvazaŭ gardas nian kontinuecon simbole forviŝante la barbaran intertempon.

## Al niaj kunlaborantoj

Pro la adresŝanĝo de kelkaj niaj malnovaj kunlaborantoj, ni ne povis ilin informi kaj peti pri estonta kunlaboro. Tial ni ĉi loke petas pardonon de tiuj samideanoj, al kiuj pro la supra kaŭzo ni ne povis skribi aparte kaj ni petas ilin, bonvolu ĝojigi nin per dono de vivsigno kaj per sendo de siaj kunlaborajoj. *La eldonejo.*

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AUSTRIO:* Librovendejo »Tramondo«, *Wien,* I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel—West,* Pieter van Humbeckstr. 3.

*BRITUJO:* Internacia Esperanto Ligo, *Heronsgate,* Rickmansworth.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio,* str. Graf Ignatiev 2.

*ĈEĤOSLOVAKIO:* »Revuo Esperantista«, *Praha,* Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Centra Dana Esperantista Ligo.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris,* 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO:* Bleier Béla, *Budapest,* VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto n-ro 4014.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana,* Cankerjevo Nabrazje 7/1.

*NEDERLANDO:* A. C. van Ingen, *Rotterdam,* W. Buytewechstr. 128 c.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico-*Lisboa, Grao Vasco 33, r/c.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm,* 19, Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New-york* 11, 113 West 16 th Street.

## Abonilo

*Subskribinto abonas la revuon „LITERATURA MONDO" por la jaro ........ kaj la abonprezon — egalvaloron de*

***USA-dolaroj 2·50***

*pagas al* ........................................

........................................

*Nomo* ........................................

*Strato* ........................................

*Urbo* ........................................

*Lando* ........................................

........ *an de* ........................................

........................................

subskribo

(Se vi nenion surskribas krom la plenigo de la necesaj indikoj, tiam sufiĉas afranko por presajoj.)

Felelős kiadó: Bleier Béla. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — Nyomdavezető: Urbán Gyula.